# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — TRIA JARO — 3—4



DU SKIZOJ DE ROSSETTI
NOVELOJ DE GORBATOV (STELOV), ISSAKIAN (SKIT), MARK TWAIN (FEATHERSTONE), HAYAMA (KURISU)
EL „AMOR FATI" DE HERZBERG
POEMOJ DE DINWOODIE. W. AULD, K. KALOCSAY, DAVID MORTON (TÁRKONY), J. AAKJAER (THORSEN), SULLY-PRUDHOMME (DELCOURT), MART RAUD (HILDA DRESEN)
DISKUTO DE JIRI KORINEK
LINGVO — OBSERVO — RECENZO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII. RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | | Elĉerpiĝis |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOĴUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via libristo.

# Du skizoj

Reto Rossetti

## PAULO PIZO

Nia arbajista roto prezentis mozaikon de plej diversaj tipoj. Inter la dek ok laboristoj troviĝis anoj de ĉiuj metioj — nur arbajistoj mankis. Sed tie estis eksaj butikisto, kompostisto, barbiro, tapiŝteksisto, profesoro, stukisto, kun diversaj ŝtelĉasistoj kaj nenifaruloj — ĉiuj kunpelitaj per la sorto de milito aŭ la disbombado de iliaj urbaj hejmoj.

Kaj ankaŭ individue ni prezentis interesan sortimenton. La butikisto lamis, la profesoro strabis, la tapiŝteksisto estis ia jehovano kaj unu alia — Dio gardu! — estis eĉ esperantisto.

Tom, la korpulenta, pipfuma, senĝena Tom, estis riĉa karaktero inter ni. Antaŭe li estis ia kuniklokaptisto aŭ ŝakristo — oni ne scias precize, kio. Li estis sprita estro de pitoreskaj diroj. Kiam iu Andi, al kiu Tom dekomence malsimpatiis, akceptis por mizera pagaltigo de unu soldo ĉiuhore kontroli la aliajn laboristojn, Tom ekkraĉis kaj komentis: „Ja, kion oni povas atendi de bova postajo krom fekoj?"

Ni opiniis nin feliĉaj havante inter ni Jack, la barbiron. Per li ni efektive sentis nin fieraj kaj favorataj. Nia barakaro ja sidis en la monta kamparo, dudek mejlojn for de la plej proksima urbo, kaj kiel ni estas sukcesintaj nin frizi sen la bonŝanca ĉeesto de la barbiro, mi ne scias. Sed dank' al li ni troviĝis ĉiam dece pritonditaj, tiel ke ni tute ne bezonis honti, se iu urbano (aŭ pli grave — urbanino) ekvolis nin viziti. Nur pri unu membro de nia roto ni estis en ioma embaraso. Se iam vizitanto ekvidis iun flankumantan figuron kaj demandis: „Kiu estas tiu vila vagabondo inter vi?" — tiam ni aŭ poltrone malkonfesis nian kamaradon, dirante: „Ho, ia ĉifona vagulo — tiaj ofte trapasas, „aŭ ni sincere klarigis: „Pardonu, tio estas nia barbiro. Kvankam li orde pritondas la tutan roton, ni ankoraŭ trovis neniun, kiu barbirus la barbiron!"

Sed verŝajne la plej kurioza tipo el ĉiuj estis Paŭlo Pizo, la kamionisto. Kio li estis antaŭe, neniu sciis, sed la famo cirkulis, ke li estas la ekscentra kaj malagnoskita filo de bonranga familio. Almenaŭ ni mem konstatis, ke iom ekscentra li certe estas!

Jam lia aspekto tion supozigis. Sub volba frunto sidis du grandaj, maniaj okuloj en ombro de elstaraj brovostoj. Intere lia karna nazego elarkis pulĉinele, kun aldona tubereto en ĝia mezo — kvazaŭ ridinda nazido ĉe la patrina brusto! Kurta[1]) supra lipo, maldika buŝotranĉo kaj granda mentono akcentis la pulĉinelan similecon. Sed sub la timinda aspekto Paŭlo havis la mildecon de leporo.

Li distingis sin tuj en la unua tago. Oni sendis lin preni ŝarĝon ĉe la stacidomo. Tio estis beleta, fiere flegata kampara stacidomo. Florbedoj buntis[2]) flanke de la relvojo. En pli larĝa spaco ĉe fino de la kajo staris eleganta fontano el granito, sur kiu gruo kun suprenturnita beko ŝprucigis arĝentajn fadenojn de akvo supren kaj returne en la basenon. Sed la ĉefa belaĵo tie estis verŝajne la laŭba eniro en la stacidomon, formita per du florantaj arboj kunigitaj supre en arko. Nu, Paŭlo decidis, ke li volas enveturi en la stacidomon inverse (verŝajne por eliri rekte kun sia ŝarĝo) kaj jetinte rigardon posten li svingis la gvidradon, komutis akcele kaj — deŝiris komplete unu el la du florarboj!

Ni baldaŭ eksciis, ke Paŭlo estas vegetarano. Sperte ni ekkonis tion, kiam unu tagon li rifuzis preni sur sian kamionon[3]) nian viandon, kiu alvenis de la vilaĝo, kvar mejlojn for. Li veturis al ni sen ŝarĝo kaj ni devis atendi ĝis la proksima tago nian viandokvoton.

Tamen ni baldaŭ trovis, ke ĉion oni povas pardoni al Paŭlo Pizo. Li tute ne estis malbonintenca, li nur havis *principojn*. Lia vegetarismo estis *principo*. Tial li ne partoprenis la komunan kuirajon, sed kuiris por si aparte en propra kaserolo. Kaj al neniu li

[1]) mallonga
[2]) multkoloris
[3]) ŝarĝautomobilo

pruntis sian kaserolon, se temis pri kuiro de viando aŭ de io eĉ iomete infektita de viando. Ekzemple li ĝin ne donus por varmigo de iom da supo, kiu estis enhavinta oston, eĉ se la osto restis en la granda poto kaj ĉio cetera estis legoma.

Sed la kompatinda Paŭlo havis malfacilon pri siaj principoj. Li devis ekzemple porti ledajn botojn, kvankam la ricevo de ledo implicis la mortigon de bovoj, kaj li ne povis rezigni pri margarino, kvankam verŝajne ĝi enhavis bestan grason, nome balenan. Pike mi argumentadis kun li pri tiuj punktoj, sed mi nenion atingis, ĉar se mi trudis al li argumenton nerespondeblan, li abrupte leviĝis de la tablo, paŝis al la pordo de la barako, kraĉis, kaj revenis sidiĝi ĉe la tablo, sen parolo.

Lia principa vegetarismo devenis de lia principa amo al bestoj. Li malamis (principe) la homojn, ĉar ili mortigas por manĝo kaj aliaj celoj la bestojn, sed, en efektivo, li estis tre simpatia, kun plej bonanima rideto, pri kiu jam avizis la duobla vico da sulkoj, kiuj kavigis liajn vangojn. Lia rilato al la rabaj bestoj, kiuj mortigas aliajn bestojn, estis iom nebula — mi neniam povis orientiĝi pri tio, ĉar se mi faris tiuteme embarasan demandon, Paŭlo jetis al mi streĉan ekrigardon, leviĝis por ekkraĉi ĉe la pordo, kaj revenis sidiĝi sen plua respondo.

Unu tagon li aŭdis, ke iu farmkatino naskis idojn kaj ke la farmisto intencas dronigi ilin. Li terure agitiĝis pri tio, kaj petis nin ĉiujn pri helpo, sed ĝuste pri kia nome helpo, ni ne klare komprenis. Kompreneble, se Paŭlo zorgoplene alparolis iun el ni, ni aŭskultis kaj respondis kun severe trudita seriozo: sed poste ni regalis nin reciproke per la ŝerco. Do fine en ĉi tiu katidoafero Paŭlo devis elpaŝi mem. Ni efektive ne supozis, ke li ion faros, sed ni eraris. Post la laboro li iris en sia malgranda aŭto al la farmdomo kaj elpetis de la farmistedzino la katidojn. Kun ili li veturis dudek mejlojn ĝis la urbo kaj tie, jam en la mallumo, li petadis ĉe apartaj domoj, ĉu la bonkoraj civitanoj ne volus gastigi katidon por ĝin savi de pereo? Sed lia petado ne prosperis kaj fine li sonorigis ĉe kuracisto kaj pagis al li por mortigi la katidojn sendolore sub anestezo. Poste li veturis la dudek mejlojn returne.

Sed malgraŭ ĉio tio, ankaŭ la bestamo de Paŭlo estis nur principa, sed ne kore natura trajto! Foje venis al la barakoj vaganta hundo. La viroj bonkore interesiĝis pri la vizitanto, jetis al ĝi pecojn da manĝo el siaj teleroj, karesis ĝin malglate sed bonanime. Unu tagon ni vidis, ke la hundo sidiĝis apud Paŭlo sur lia benko, dum li manĝis. Paŭlo ŝajne tute ne vidis la hundon, sed rigardis fikse antaŭen per siaj grandaj, demonecaj okuloj, kaj nur manĝadis. Ke bestamanto povas eĉ ne konscii la kuneston de besto, kiu lin preskaŭ tuŝas, tio ŝajnis al mi stranga. Post oktaga restado la hundo malaperis, vagis plue. Mi demandis al Paŭlo: „Ĉu vi vidis la hundon hodiaŭ?“ kaj Paŭlo respondis „Kiun hundon“?

Paŭlo verkis unu libron. Ĝi nomiĝis „Landvojoj kaj Stelpolvo“. Li donis ĝin al mi por lego. Nu, ĝi estis novica afero, fuŝsentimentala, sed ĉar Paŭlo evidente fieris pri ĝi, mi ne riskis diri mian detalan opinion. Li poste konfidencis al mi, ke li intencas verki novan libron de travivajoj, kaj laŭ lia peto mi skizis lian portreton por aperigo sur la titolpaĝo. La portreto bone plaĉis al Paŭlo — mi akcentis liajn ardajn okulojn kaj flate forigis la tubereton de la pulĉinela nazo.

Baldaŭ poste mi foriris de la barakejo, kaj de tiam mi nenion plu aŭdis pri Paŭlo Pizo. Kaj nun fine mi distras min, skribante pri li kvazaŭan eseo-novelon.

Ĉu li jam sin venĝis, priskribinte min en sia dua libro?

## LA ARTFOTO

Subite Ruk bremsis sian biciklon kaj kriis al Moŝ, kiu jam ekglitis sur la longa deklivo.

„Moŝ, haltu! Hej Moŝ, hola hej, haltu do!“

Sed al Moŝ la vento susuris agrable preter la orelojn, la dumejla deklivo serpentis malsupren kaj la peze ŝarĝita biciklo potence akceliĝis en descendo. Li nenion aŭdis, nenion supozis.

Ruk rinkis per la tintilo kaj kriadis plu dum li rigardis la grade ŝrumpantan figuron de sia frato. Moŝ jam estis trans kriatingo.

Sed certe li tuj rerigardos por konstati, ĉu la frato orde sekvas aŭ ĉu ne la hoko elsaltis?

„Haj vi, lutita nuko, ĉu ne turniĝas la kapo? Nur for, sage for — azeno? Porko ermito vi! Ĉu vi ne havas vojkamaradon? Rerigardu do!“

Li renversis sian biciklon, starigante ĝin sur la selon kaj gvidilon, kaj svingis la brakojn muelile.

Revenu jam, protokreteno! Diablo, tiu dekliva flugo kostos al vi kare. Vi ĝin regrimpos al mi por lerni kiel oni faras, se oni veturas duope! Ankoraŭ ne? Haj, Moŝ, kio vin akaparis? Ĉu la nazo fariĝis kompasnadlo, ke ne eblas ĝin turni?“

La biciklanta figuro de Moŝ, jam tute malgranda, finis la unuan etapon de la descendo. Ĉu nun li rerigardos? Sed ne, la longa deklivo ebriigis Moŝ, ekscite li volis provi, ĉu lia momentumo sufiĉas por traporti lin sur la malgranda leviĝo de vojo, kiu sekvis. Senpene la zumanta maŝino ĝin venkis, baŭme sin levis sur la ponteton ĉe la vojkrono kaj vive sin lanĉis sur la duan etapon de la deklivo.

Ruk staris kaj postinsultis lin.

„Arkiazeno! Herbokranio! Ja, iru, se vi volas. Tamen eĉ el la fundo de la valo vi supren repenos! He, ĉu estas eble tiel forgese forkuri? Blinda impetulo! Egoisto!“

Ruk sidiĝis sur la vojranda herbaĵo kaj malgaje rigardis transen al groteska grupo da salikoj, kiuj elstaris sur la erikejo.

„Jen staras la plej poezia fotosubjekto de la tuta vojaĝo“, li meditis. „Kaj al tiu beata idioto ne venas en la kapon, ke li portas mian fotilon. Nu, li ellernos! Eĉ se mi ĉi tie devos al la tero alkreski, mi ĝisatendos lian venon! — Kaj jen ankaŭ la ĉielo ĝuste konvenas: nuba, delikate morna.[1]) Kaj ĉio ĉirkaŭe — vasta erikejo, torfo, senmovaj lagetoj. Korpo! — kun tiu foto mi jam povos en la fotografa societo konkuri kontraŭ Alek, la spertulo!

„Jes, tiu vico da arboj, kiuj kaŭras kiel demonaj funebrantoj, aŭ sin etendas konvulsie kiel kriplaj manoj de dronintoj en la marĉo — kion ili ne sugestias? Iom de la missorĉo de la Elfreĝo de Goethe:

[1]) preme malhela

# LA VENKONTO

John S. Dinwoodle

Malsupren klinu vin; aŭskultu tie,
Kiel la herbo ridas ironie
Je nia febla, vana kontraŭstaro
Al ĝia vastiĝanta akaparo.

En mondo griza, nuda kaj inerta
Naskiĝis ĝi, etaĵo magra, verda.
Ne havis ŝajne ĝi ekzistkialon;
Ĝi tamen al si ĵuris, la batalon
Senlace kontraŭ tiu mondo teni,
Por ĉion sub la herboregon preni.

Do rampe etendiĝis ĝia sfero,
Kaj pli kaj pli verdiĝis nia tero,
Ĝis ĉiu kontinento kaj insulo
Dronis sub la malsata herbrampulo.

Tapiŝon sternis ĝi por la piedo
De ĉio viva sur la Terplanedo:
Kovrilon faris ĝi funebre pompan
Por tegi ĉiun ripozejon tomban.

De temp' al tempo homoj ĝin detruas
Kaj sur la vaka grundo ekkonstruas
Domon aŭ urbon, templon aŭ palacon,
Per forto konkerante iun spacon:
Kaj birdoj en la ĉielalto vidas,
Ke en la verdo griza skvamo sidas.

Sed dense ĉe la urborando kuŝas
La herbolim': sin reciproke tuŝas
Tie la homa mond' kaj la masiva
Forto de la Naturo primitiva.

Nur la frotpremo de la hompiedoj
Malhelpas la eniron de pikedoj
De l' verda malamiko, kiu staras
Ĉirkaŭ la muroj, kiuj vojon baras.

Sed iam malpliiĝos la piedoj;
Al la verdulo venos venkrimedoj.
Disfalos brikoj, ruiniĝos domoj,
Kaj el la urbruin' formortos homoj.
Enfluos verda tajd'!... la urbo cedos;
La herbo ĝin por ĉiam reposedos.

Malsupren klinu vin: aŭskultu tie,
Kiel la herbo ridas ironie...
Sonas de horizont' al horizonto
La rido de la verda mondvenkonto.

Maljunaj salikoj grizas en grup'
— kaj en la fono iom de la realismo de la moderna germana kanto „Torfsoldatoj" —

Ni estas torfsoldatoj,
Ni marŝas kun la ŝpatoj
Al torf'!"

Dume Moŝ kun konfuza miro fine konstatis — duonvoje malsupren sur la dua deklivo — ke la frato ne sekvas lin. Li bremsis akre, skue haltante de sia gracia flugo, kaj plumpe[2]) descendis de sia biciklo. Li esploris la vojon malantaŭ si. Kio okazis al la frato? Ĉu akcidento? Tuj li kulpigis sin kaj malbenis sian absorban rapidadon. Streĉinte la rigardon supren, li fine distingis, ete-ete, la biciklon de Ruk ĉe la vojflanko kun la radoj en aero, kaj apude ian tubereton, kiu verŝajne estis la sidanta figuro de Ruk. Ĉe la ekpenso, ke li devos trapeni supren la tutan deklivon returne, la konsterno nuliĝis en li la sinakuzadon. Jen estos taŭga pentofaro por lia forgesado! Li turnis sian biciklon kaj komencis puŝi ĝin pene supren sur la longa vojo.

Post dekkvin minutoj Moŝ atingis Ruk, kiu sidis ankoraŭ sur la herbo kun nigraj fulmoj en la okuloj. „Kio estas? Ĉu la maŝino paneis?" demandis Moŝ lace de peno longa kaj teda.

„Por kia diablo vi tiel torente toboganas?" respondis Ruk. „Ĉu iam vi vidis, ke mi min lasas sur deklivon sen ofta rerigardo por kontroli, ĉu vi orde sekvas? Neniam mi eĉ dekmetrojn antaŭis sen rerigardo. Korpo! — necesas jam konscii, ke nia pakaĵo estas konstante dependa reciproke!" Ruk leviĝis, paŝis al la frato kaj etendis la manon. „Donu al mi —."

„La riparilojn?" demandis Moŝ, fingrante la selsaketon.

„Ne — mian fotilon! Rigardu tiun grupon da arboj! Unika fotosubjekto. Eĉ tra centmejla vojo vi ne retrovos tian! Donu — mi volas foti ĝin."

‚Nura fotaĉo?! Mondo!" La vortoj eksplodis el Moŝ. Pli li ne povis diri. Subita kolero tempestis en li kaj sufokis la parolon. Silente li transgestis la fotilon al Ruk kaj sin ĵetis sur la vojrandan herbon.

[2]) malgracie

Ruk, jam regalinte taŭgan lecionon al la frato, sentis sian koleron forvaporiĝi. Li manipulis sian fotilon kaj rigardis tra la celilo. Fsst! la arboj aperas tre liliputе en la objektivo! Li iris sur la erikejon por veni pli proksimen, kaj tiam la ĉirkaŭaĵo je lia ĉagreno leviĝis ĉirkaŭ la arbojn, ili ne plu elstaris en drameca reliefo — la tuta bildo detruiĝis. Do vole ne vole li devis reveni sur la vojon. „Egale", li murmuris, „La esencan parton mi ja povos pligrandigi". Li pafis, turnis la anseton ĝis la sekva numero kaj, repakinte la fotilon, sin turnis, jam gajhumore, al Moŝ, kiu sidis en pozo de rankora[3]) kolero. „Do prete?" diris Ruk.

Ruk estis feliĉa posedanto de facila lango. Kiam kolero formiĝis en li, ĝi sin forklakis tra lia buŝo kaj baldaŭ malaperis. Sed Moŝ estis alia. Li ne trovis fluan senpeziĝon en parolo; se la kolero ennestiĝis en li, ĝi tie enfermiĝis, agitis lin interne kaj longe ne foriris. Tiel ankaŭ nun okazis, ke li sentis sin senpove furioza. Kiam Ruk ascendis la biciklon, li sekvis malrapide. Sur la deklivo li intence postrestis, bremsante ek kaj ek kaj plilongigante la distancon inter li kaj la frato. Ĉi tiu rerigardis kaj bremsis ankaŭ, por ke la alia atingu lin, sed ĉe tio Moŝ eĉ pli malrapidis. Do Ruk, vidante ke li ne volas kuniri, sin lasis antaŭen kaj baldaŭ perdis la fraton el la vido.

Ili renkontiĝis ĉe la junulgastejo de la proksima urbo. Por Ruk la incidento estis finita, sed ne por Moŝ. Li vartis sian koleron, kovis sian ofendon; ne venĝeme efektive, sed simple ne povante al si helpi. Anstataŭ societi kun la frato, li kaprice ligis interparolon kun kalva kuriozulo en kuloto,[4]) kiu verkis libron por kolektantoj de cigaredkartoj.

La sekvintan matenon ili ekiris denove. Ambaŭ silentis, sed ili veturis, kvankam ne service, tamen sufiĉe proksime. La mateno estis bela — balzama aero, laktaj nuboj sur la milda ĉielo, ebena vojo tra kiu la bicikloj faris bonan ritmon. Subite Moŝ, kiu postvenis, eligis strangan ekkrion: —

„Ruk! Haltu! Elefantoj!"

Lia vizaĝo radiis de ĝojo. Li estis ja ekvid-

[3]) venĝemsenta
[4]) ĝisgenua pantalono.

# La komercisto

Gorbatov

4.

Dum la sekva tago, Kostja sidis en sia ĉambreto kaj skribis. Skribante, li konstante aŭdis la lamenton de Japtune. Malvarmo sur la tundro, kaj malsato. Fininte la skribon, li prenis la foliojn kaj iris al Ignatjiĉ.

— Jen, — li diris malhele al la radiisto. Sendu tion, mi petas.

Ignatjiĉ senvorte prenis la skribaĵon, tralegis ĝin, — eĉ fibro ne moviĝis en lia vizaĝo, — kaj senvorte li forĵetis la tuton.

— Kio? — Kostja ne komprenis.

— Reprenu ĝin.

— Kial mi reprenu?

— Tiamaniere ne eble. Punkto.

— Kio!? — kriis Kostja. — Ĉu vi scias, kion vi diras?

— Mi scias, kion mi diras, mia kara. Tio ne estas ebla. Alportu la permeson de la koloniestro.

— De kiam la radiisto obeas la koloniestron?

— Se via radiogramo rilatas al la aferoj de la kolonio, mi ne povas ĝin forsendi sen la permeso de la ĉefo. Mi finis. Foriru. Ne ĝenu min.

Kostja iris al la ĉefo. Li ĵetis la skribaĵon sur la tablon kaj atendis silente. Tisa surmetis siajn okulvitrojn, turnadis la paperon, paliĝis.

— Ej, ej, Kostja, ej, vi, ardkapulo, li murmuris. — Por kio do ĉio ĉi, por kio? Kion do vi skribis ĉi tie? Kio el ĝi estas vera? Ej, ej! Vi skibas, ke mi estas obskura, suspektinda homo. Nu, mi vin petas, en la revolucio mian sangon mi … Kaj vi skribas: senmona komercado, varŝanĝo. Mi faras ja tion, ĉar tio estas pli bona por la njenecoj… La njeneco estas sovaĝulo. Li ne povas pensi laŭ monvaloro. Mi hontas pri vi, Kostja … Mi vin traktis kiel parencon … Kaj Taisija … Kaj vi … Pri kio vi skribas ĉi tie? Rabo, perfortado al la loĝantoj, kontraŭsovjeta sinteno… Ĉu mi estas do rabisto? Ho vi, ardkapulo!…

Li tralegis la leteron kaj maltrankvile rigardis al Kostja, liaj okuloj moviĝis timeme.

— Vi ŝercis, Kostja, ĉu ne? — Kaj li provis rideti. — Vi ludas, ĉu ne? Ha-ha-ha … Tre lerte! Ĉu mi nun povas ĝin disŝiri? — li flustris kaj atende rigardis en la okulojn de Kostja.

— Mi disŝiros ja vin! — kriis Kostja kaj forkaptis la leteron el liaj manoj. Subskribu tuj la permeson, por ke mi povu ĝin sendigi per radio.

— Kion? — diris Tisa mallaŭte. — Kion?

Li stariĝis kaj tremante paŝis apud Kostjan.

— Kion? — li demandis ree, kaj furioze piedbatis la plankon.

— Vi mensogas, vi mensogas, mi vin neniigos! Vi mensogas!

Sur liaj lipoj aperis ŝaŭmo, kaj ŝaŭmo kovris ankaŭ liajn lipharojn kaj barbon, sed li rapide ĝin deviŝis per sia mano, bridis sin, eĉ ekridetis.

---

inta ion bizaran, kion la frato pretervidis! Per ia nekomprenebla cirkonstanco du elefantoj pendolis la monstrajn kapojn en ĉevalstalo de gastejo. „Foti!", kriis Moŝ. Ankaŭ Ruk estis ekscitita. Ili starigis la biciklojn kaj iris rigardi. La gastejestro de „La Blanka Cigno" elvenis kaj volonte konsentis la fotofaron. Li staris ĉe unu flanko, dum Moŝ ĉe la alia proponis ridante brasikon al unu el la elefantoj. Tiel ĝojaj estis la du fratoj pro la rompo de dekduhora silento, ke ili tute forgesis informiĝi precize, kial gastejestro loĝigas ĉe si paron da elefantoj. Ĝi restis mistero.

Kaj la artfoto? Mizera afero! La arboj montriĝis tute sensignifa makuleto en la bildo. Sed Ruk pretendadis: Tio fariĝos bona artfoto. Mi grandigos, mi prilaboros ĝin. — Sed efektive li neniam faris tion.

Aliflanke la foto kun la elefantoj bone sukcesis kaj ricevis honoran mencion en la tiujara ekspozicio de la fotografa societo.

— Ŝercemulo vi estas, Kostja... Verkisto...

— Subskribu la permeson, — murmuris Kostja. — Rapide...

— Ŝercemulo! — daŭrigis Tisa, kaj sole liaj malbonaj pikaj okuloj ne ridis. — La homoj ja priridos vin, se mi rakontos tion al ili.

— Vi do ne subskribas? — kriis Kostja senpacience.

— Vi ŝercas, vi ŝercas... ej, aktoro... kia aktoro vi estas!

Kostja pugnigis la manojn. „Kion do mi faru? Ĉu bati lin?

— Batu, batu, — ridetis Tisa afable. — Batu min, kara, bonvolu! Tion mi eltenos. Mi eĉ alvokos atestanton. Ignatjiĉ!

Kostja mansvingis kolere kaj elkuris. Kion fari nun? Ree li kuris al Ignatjiĉ. Li provis lin konvinki, li petis lin, minacis lin, sed la radiisto nur grumblis: Foriru, ne eble. Mi finis.

— Vi timas, ĉu ne? — demandis fine Kostja malŝate.

Ignatijĉ alrigardis lin kaj respondis mallonge:

— Mi timas.

Kostja pensis, ke Japtune estas prava: la ŝakristo estas pli forta, la alkoholo estas ĉe li. Alkoholo! Se nur estos eble akiri alkoholon! Ignatjiĉ sendos la radiogramon. Li kuris en la butikon, ŝerĉadis sur la bretoj. En polva angulo li trovis botelon da brando. Ege li ekĝojis, pri nenio li tiom ankoraŭ ĝojis en sia vivo. Li rekuris al Ignatjiĉ. Nun li havis potencan armilon en la mano.

— Ĉu vi volas brandon, Ignatjiĉ?

— Ĉu fajra? — levis la kapon la radiisto malkonfide.

— Pura alkoholo.

— Vi mensogas!

— Jen! — montris Kostja la bluan botelon. — Ĉu vi volas?

— Pirt tara, — respondis Ignatjiĉ en la njeneca lingvo, kaj liaj okuloj malsekiĝis.

Kostja silente metis la botelon sur la tablon kaj rigardis al Ignatjiĉ fikse.

— Ĉu vi komprenis? — li demandis mallaŭte.

Ignatjiĉ alrigardis Kostjan, poste la botelon, poste ree Kostjan, lekis siajn lipojn kaj respondis malhele:

— Mi komprenis.

— Nu, kaj...?

— Bone.

— Kiam?

— Nokte... ĉi-nokte mi sendos ĝin.

— Ĉu vere? — kriis Kostja kaj en sia ĝojo li donis al la radiisto la tutan brandon.

Sed ĝis la nokto Ignatjiĉ jam ebriiĝis kaj ne povis labori. Kaj kiam li resobriĝis, li ne volis eĉ aŭdi pri tio ke li sendu la radiogramon de Kostja.

Kion Kostja povis fari? Kun subita malespero li eksentis sian senpovecon. „Ĉu kuri sur la tundron kaj tie kriegi? Neniu aŭdos mian voĉon. Ĉu bati per mia kapo la muron? Ĉu interbatiĝi, ĉu rompi la kapon de Tisa?" Kaj en liaj oreloj senĉese li aŭdis: oni malsatas sur la tundro, oni tre malsatas...

Terura vivo komenciĝis, plena de muta, sekreta batalo. Kiel lupoj, la kolonianoj kunvenis silente ĉe la tagmanĝo, ĉirkaŭflaris, mordadis unu la alian. Kostja nun jam ne forlasis sian tranĉilon eĉ por momento. Poste li pensis, ke Tisa povas veneni la manĝaĵon, li ja minacis per tio. „Mi lin neniigos, mortigos." Kaj Kostja ne iris plu al la tablo, sed li kuiris mem por si, por nokto li apogis la pordon per stango, dormis tre vekiĝeme. Ne la morto lin teruris. Kiomfoje li ĝin kontraŭrigardis en sia malsukcesa vivo! Tiu penso lin teruris, ke li mortos nenion farinte. Kaj neniu scios, kial mortis Kostja, tiu konfuza homo. Mem Vasilij Japtune ne scios tion. Eĉ, li nomos lin fripono.

Kiom li nun bedaŭris, ke li delasis la njenecon ne donante al li leteron. Tiu letero estus veninta ien en la centron, kaj per tio li estus farinta sian devon. Kaj tiam ne estus terure morti. Tamen, neniam venis en la kapon de Kostja, ke li ĉesigu la batalon, interpaciĝu kun Kostja kaj vivu kiel antaŭe. Ne. Tiu penso ne venis en lian kapon eĉ en la plej amaraj tagoj, en la plej amaraj noktaj momentoj. Diablo prenu! Estos, kio estos. Estu milito. Nenion konsideri! Li spiris plenpulme — la unuan fojon en sia vivo li sentis, ke li vivas ĝuste.

Sed la tempo pasis, kaj ĉio iris plu senŝanĝe. La kabanon tute kovris la neĝo. Eterna

## LABORISTEDZINO

### William Auld

Dika senforma laboristedzino,
kies korseto krada
la bulojn de la granda penda sino
kaj de l' postaĵ' fasada
apenaŭ ligas:
kiam vi anserpaŝas laŭ la griza strato,
kia motivo vin instigas,
kia espero, kia vivkonstato
restas al vi post la spertoj dolorplenaj
kaj la ĉagrenaj
ĉiuminutaj zorgoj de ekzisto
kiel edzin' de laboristo?

Viaj okuloj mortis en la tago
kiam vi trovis, ke la am' ne estas tia,
kia perfide ĝin priskribis la imago —
ne sankta, ne mirinda, ne pasia,
sed ag' hontinda, bruta kruda ago,
kiun plenumis via vir', ebria
kiam hazarde li disponis je moneroj
de vi ŝparitaj;
amo ne povas flori en kotaj sferoj,
kie ĝermadas pestoj kaj nescioj spiritaj,
kaj kie mankas ĉio —
mono, manĝaĵo, belo, sopiro, ambicio.

Via amuzo estas najbara klaĉo
ĉe la kuniklotrua pordo
de via domaĉo.
Tie rikane vi, raŭka sufloro,
babilas pri l' misteroj: nasko, morto,
kaj pri l' konato: la amoro.

En via sin' kiomaj revoj velkis,
kiujn promesis via juno?
Iam vi estis juna, kaj aspergis
estantan grizon per estonta rev-orumo.
Vi vidis ĝin forvelki eĉ sen miro:
ja kion fari? Via viro
dum jaroj estis senlabora,
dum jaroj staris ĉe la stratangulo,
kaj pro la
senĉesa, monotona viva nulo
forgesis, ke li estas homo.
Li devis hejmenveni al senhejta domo,
al manĝo nesufiĉa kaj sensuka,
al kaĉo, pano, margarino;
kaj al la lito juka,
kie en ŝvita amrutino
sovaĝe sortobatojn li transvergis
al via korp' senkulpa,
kaj en volupto turpa
sian desperon mergis.

Alportis ĉiu jar' sian infanon,
laca akuŝo post akuŝo:
sed postuladis panon
ĉiu malsata nova buŝo.
Ĉu via koro gutis sangon,
kiam vi aŭdis la etulojn plori pete,
kaj vi rigidis senrimede
dum larmoj fosis sulkojn en infanan vangon?
Aŭ ĉu vi ne forturnis vin senpacience,
aŭ eĉ anstataŭ pano donis baton,
ĉar vi ne volis plu aŭskulti, malpotence,
korŝiran lamentadon?
Se kiam knabo mortis sangospute
pro ftizo,
funebris via kor', kvankam senplore, mute —
ĉar antaŭ longe elĉerpiĝis via larmprovizo.

Kaj nun vi estas, laboristedzino,
kaduka kaj anhela,
kaj baldaŭ venos via vivofino.
Ĉu sent' ribela
neniam vian koron skuis,
ke vivon vian mankoprem' detruis?
Kial vi ĉion nur elportis
dum via animo mortis?
Kaj ĉu sammaniere
sklaviĝos viaj nepoj senribele?

---

nokto sterniĝis sur ilin. Neniu venis en la kolonieton. En la neĝkovrita kabano la homoj akre, morte malamis unu la alian.

Kaj tiam Kostja decidis, ke li fuĝos.

Fuĝi — jen la sola, kio restis por li. Foriri nokte, iel veni al la distrikta centro kaj rakoni ĉion.

Li komencis sin prepari por la fuĝo. Li kolektis nutrajon, armilojn, peltoveston, trovis ankaŭ kompason, kaj iunokte, kiam ĉiuj dormis, ĉion ĉi li elportis el la kabano, metis sur sledon, prenis la plej bonajn naŭ hundojn, rerigardis laste al la malbenita domo, minacis ĝin per pugno — kaj ekvojis.

La njenecoj klarigis, ke al la distrikta centro oni devas iri longe laŭ la rivero, poste

tra la montoj oni devas reveni al la rivero sama, poste al tiu loko, kie du riveroj kunfluas, kaj sur la alia rivero oni povas tute facile atingi la centron.

Sed Kostja baldaŭ vidis, ke lin tute ĉirkaŭfermas la arkta nebulo, kaj baldaŭ li perdis kaj la riverojn kaj la montojn. Egalvizaĝa monteta blanka stepo sterniĝis antaŭ li. Kio ĝi estis? Ĉu glacio aŭ montetoj? Kiel distingi inter la rivero kovrita per neĝblovoj kaj la neĝa tundro? Li estis sensperta. Li sentis sin kiel blinda hundeto en mallumo.

Jen en unu, jen en alia direkto li ekiris kaj longe erarvojis, fine tute perdis la orientiĝon. La hundoj haltis. La gvidanta hundo maltrankvile turnis sian vizaĝon al Kostja.

Nu, — diris ĝia rigardo, — kien nun?

Sed Kostja mem ne sciis, kien, kaj nur nun li rekonis, kiel malfacilan taskon li entreprenis. Senforte li ĉirkaŭrigardis, sed nenion trankviligan li vidis. Ĉio estis morta kaj silenta.

Sed frue ankoraŭ estus kapitulaci. Li ekmemoris, ke li havas ankaŭ kompason. Kompaso, diablo prenu! Kion ankoraŭ li bezonas?

Kaj Kostja, kun la hundoj, ekiris okcidenten. Li trarampis sur glaciiĝintaj montetoj, stumbladis, ek- kaj ekhaltis en la neĝo, kaj subite li rimarkis, ke li troviĝas inter nuraj glacimontoj (tiam li rekonis ke li venis sur la riveron), sed tie estis tre malfacile treni la sledon, kaj tial li suprenrampis sur la bordon kaj iris laŭ la bordo, ĝis li ree perdis la bordon. Sed li ne ektimis, ĉar la kompaso, kiun li senĉese rigardadis, signis la vojon okcidenten.

Tiamaniere pasis multaj tagoj. Estis strange, ke li tute ne trovis loĝatan lokon. Neniam li pensis, ke la tundro estas tiel mortinta. Sed eble li evitis la lokojn loĝatajn, kaj povas esti, ke duonkilometron sude aŭ norde estis homoj. Li sciis pri nenio, fikse sin tenis al la origina direkto: okcidenten!

Kelkfoje li trovis iom da brulligno, kaj tiam apud fajro li varmigis sin kune kun la hundoj. Li degeligis neĝon en malgranda kaldrono, kuiris por si manĝon el konservajo, kaj manĝigis ankaŭ la hundojn. Apud la fajro estis pri facile revi pri la sukceso. Apud la fajro, viva ŝajnis la tundro, facila la vojo, proksima la celo.

Sed lia vojo estis urĝa, do malofte li faris fajron, ofte li kredis, ke li frostiĝos, faladis de laco kaj malsato, poste li stariĝis kaj iris plu... La hundoj senfortiĝis, sed nun jam li jungis ankaŭ sin mem apud la hundojn kaj kune ili tiris la sledon. Honeste li tiris la sledon, per sia tuta forto. Li domaĝis la hundojn. Bonaj amikoj! Fidele ili faris sian devon.

Kiam la tempesto ie atingis Kostjan en la neĝo, li fosis kavon kaj sin kaŝis en ĝi kune kun la hundoj. Tiel estis pli varme kaj al li, kaj al tiuj. Li dormis tiel, ke sian kapon li kovris per la haroj de la hundoj. Nun li ne abomenis la hundodoron, li eĉ ĝojis, ke ĝi estas odoro de vivo, odoro de varmaj korpoj.

En lia korpo jam apenaŭ estis vivo. Pli kaj pli malfacile li tiris la sledon, kunpremis la dentojn kaj grumblis al si:

— Nu, tiru ankoraŭ iom, nur iomete ankoraŭ! — Poste li falis senforte en la neĝo: ĉirkaŭ li grupiĝis hundoj lacaj, malsataj, tremantaj de malvarmo, kaj alrigardis lin plende. Li ne sciis, al kiu estas adresita tiu plendo. Ĉu al ili mem, aŭ al la mastro kaj amiko?

Li kuŝis en la neĝo, pene spiradis kaj parolis al ili:

— Nu, nenio... Ni ripozu iomete... Poste ree ni ekiros... Nun jam baldaŭ...

Li pensis, ke ili komprenos lin, kiel ankaŭ li komprenas ilin.

Kaj iom ripozinte, Kostja ree jungis sin kune kun la hundoj kaj iris plu. Lia vizaĝo frostiĝis kaj doloris. Liaj piedoj neniam estis sekaj, kaj estis plenaj de vundoj. Turmente estis paŝadi. Sed ankoraŭ ĉiam li ne volis kapitulaci, obstine li tiris la sledon kaj rigardis la montrilon de la kompaso: antaŭen!

Nun li ofte vidis antaŭ si urbojn. Li vidis, kiel leviĝas la fumo super la domoj, li aŭdis homajn voĉojn, hundbojon. Sian lastan forton li reprenis kaj kriis gaje: Hej ha! Jen ni alvenis fine!

Sed la urboj dronis same rapide, kiel ili aperis. La domoj iĝis glacimontoj, la fumo iĝis neĝo, kiun la vento blovis.

Superhome li penis, por ne ekplori pro la senreviĝo. Post tiu trompiĝo eĉ pli malfacile estis pluiri kaj esperi alvenon.

# EL „TRA LA ŜTORMO“

K. Kalocsay

## BOMBTAPIŜO

La hospitalon oni bombtapiŝis.
Disfalis ĝia bela blanka ordo,
elstaras feraj traboj en distordo
el ĉambroj, kiujn la atak' forviŝis.

La malsanulaj litoj transkapiĝis.
Sub ili kuŝas sange en la morto
karnpecoj, kiuj el la homa sorto
tiel subite fuĝi nun feliĉis.

Por homojn eble vivajn el sub ruboj
elsavi, vigle fosas la savgrupoj,
sed ĉie korpoj stumpaj de kontuzo.

Ho bona estas nun ĉi tiu peno!
En mia cerbo estas nek akuzo,
nek pento, nek konsterno — nur malpleno.

(1944)

## INTER RUINOJ

En la suburba laboristkvartalo
mi iras inter diskrevintaj domoj,
inter perpleksaj, teruritaj homoj,
tuŝitaj de flugiloj de l' fatalo.

La suno svenas sub la fulgvualo,
kaj ĉie montras diseriĝ-simptomoj:
dezerta morno, ruboj kaj disfalo
pri l'jusa hanto de l' militfantomoj.

Sur ruboj, kun mieno mortrikana,
senkorpe kuŝas blonda kap' infana,
el la buŝet' ellasas sangan fluon . . .

Mi pasas malespere kun rezigno:
kia doloro — vidi ĉi detruon
kaj eĉ ne havi rajton je indigno.

(1944)

## EN ĈI MURDEPOKO

Subtile kanti en ĉi murdepoko
pri l'propra vivo, kiam ja milmiloj
per bomboj, tankoj, pafoj, pendigiloj
pereas, vere ŝajnus aĉa moko.

La tuta riĉa poezia stoko:
la luno, steloj, floroj, birdotriloj,
la delikataj amaj maltrankviloj
disflugas en la blov' de ĉi siroko.

La morto regas nun, la mort' avida,
amasa mort' vulgara kaj sordida
sen ciprobranĉoj, sen solen' majesta.

Kaj kiel perdis dignon nun la morto,
la am' aspektas same io besta:
la ambrakumo ŝajnas seksperforto.

(1944)

## DEMANDO STRANGA

Jes, certe jes, mi scias: ni meritas
ĉi tiun punon de ĉiela fajro,
ĉi tiun punon de la ŝtala hajlo,
kiu la domojn kaj la ostojn splitas

Sed ĉu de ĝusta loko nin vizitas
ĉi plag' pro tio, ke ni sen salajro
dungiĝis en la servon de kanajlo?
Demando stranga, sed ĝi min ekscitas.

Ni kulpis, aĉe kulpis kontraŭ rusoj,
ili nin rajtus puni per ŝtalŝprucoj
kaj tamen tiel krude nin ne batas.

Ĉu eble en infero bqlŝevika
pli kara estas kaj pli respektatas
~~pli kara estas kaj pli respektatas~~
la vivo de l' popol', eĉ malami ka?

(1944)

---

Li decidis, ke neniam plu li kredos al halucinoj. Tiel estis pli facile kaj pli trankvile. Kaj kiam foje li rimarkis sur la alta bordo kabaneton, li ne kredis al sia vido.

Tamen, tiu estis vera dometo. Iel li atingis ĝin per sia lastlasta forto, kaj apud la sojlo li falis en la neĝo.

Ĝi estis somera restadejo de fiŝisto, kaj nun staris forlasita; ĝian tegmenton preskaŭ tute kovris la neĝblovo. Ĉu li havos forton malfermi la enirejon? Ĉu en la kabano troviĝos nutrajo, ligno kaj alumeto?

Kiel ajn, oni devas eniri. Kaj li diris al si: „Kostja Lobas, jen via lasta eblo vivi“ — kaj penegante li surpiediĝis.

Ŝpato . . . Li havis ja kun si ŝpaton. Bonan

ferŝpaton. Li serĉis ĝin en la sledo. Ĉion li traserĉis per siaj frostaj manoj, kaj li komprenis, ke li perdis ĝin.

Li perdis... Tiu nova malfeliĉo lin tute ruinigis. Sopirege li rigardis la dometon. Subite ŝajnis al li, ke interne sur la tablo kuŝas montoj da nutraĵoj: amaso da bona mola pano, multege da konservaĵoj, kolbasoj, rozaj fromaĝoj, kaj viando, viando, viando, grasa sanga viando. Kaj li sentis, kiel la odoro de manĝaĵo vastigas liajn naztruojn kaj kiel ekfluas la salivo en sia bluiĝinta buŝo.

Kaj tiam ekstaze li atakis la kabanon, kaj per siaj manoj li disjetis la neĝon. Ĝiskubute li premis siajn brakojn en la neĝblovaĵon, falis sur la genuojn, kaj hundmaniere li gratis la neĝon, tiel klopodante atingi la enirejon. Kaj subite venis al li ideo: la hundoj! Haste li kuris al ili, maljungis ilin.

— Post min! — li diris al ili raŭke, kaj la hundoj eklaboris. Nun kune ili gratis, li kaj la hundoj. Unu korpo apud la alia. Liaj manoj rigidiĝis, li forjetis siajn gantojn, alspiris la manojn. Sed lia spiro jam apenaŭ enhavis varmon kaj ne varmigis liajn manojn.

Longe li fosis ankoraŭ la neĝon, sed la blovaĵo ne malpliiĝis, ankoraŭ malproksime estis la enirejo. Lia forto elĉerpiĝis. Laste ĉirkaŭrigardis Kostja Lobas per konfuzaj okuloj la mondon kaj vidis, kiel indiferenta estas ĉirkaŭ li la arkta tundro.

„Jen kie vi trovis vian tombon, Kostja!" — li pensis, kaj senforte li falis sur la disgratita neĝomonto.

5.

Li vekiĝis je tio, ke estas varme. Lian nazon tiklis fumo kaj viandodoro. Li malfermis la okulojn kaj vidis, ke li kuŝas en tendo, sur bestofeloj. Super li hirtaj kapoj. Li komprenis, ke li vivas, ke oni lin savis. Li flustris: — Kaj la hundoj?

Oni diris al li, ke ankaŭ la hundoj vivas. Li ridetis. Oni donis al li pladon plenan de viando, kaj li ekmanĝis. Lia makzelo brave laboris. Ne tia homo estas Kostja Lobas, ke li mortus superflue. Li batalos ankoraŭ.

Post manĝo li tuj diris al la mastro, ke li devas plu vojaĝi.

Kaj, ĉar neniu lin demandis, de kie, kien kaj kial li vojaĝas, li diris mem tion.

Kaj nun jam rapide disvastiĝis la famo, ke Kostja Lobas vojaĝas en la distriktan centron por akiri nutron kaj juston por la tundro. Tiu famo lin antaŭis ĉie, kien li alvenis, kaj ĉie oni atendis lin, bolis la teo en la kaldrono, kaj oni metis al li liton el la plej bonaj feloj.

Tiel, dum sia longa vojo tra la tundro, li ekkonis la homojn, kaj ju pli ilin li konis, des pli ilin li ekamis, ĉar ili ĉiuj estis honestaj, bravaj homoj, tiaj, kia li mem. Li sidis kun ili apud la fajro, aŭskultis ilian parolon, iliajn plendojn, kaj kelkfoje — kiam ili vojaĝis — li iris kun ilia grego. Li dormis en fumaj tendoj, inter bestofeloj. Kaj tre ekplaĉis al li la malpezaj lignodometoj.

Li demandis, kial ili vivas tamen en malpuraj tendoj, se ili povus vivi ankaŭ en dometo.

— Tial, — estis la respondo, — ĉar tiun ni ne povas kunporti.

Kostja pensis, ke, se li estus la koloniestro, ĉiu havus tian lignodometon.

Li adiaŭis la mastron kaj fine demandis:

— Kion mi alportu por vi, mastro, el la centro?

— Ha! Kion vi alportu? — La mastro petis pri nova armilo, la edzino ferkaldroneton por kuiro, la infanoj ludilon. Granda mizero estis sur la tundro. Kaj, por nenion forgesi, Kostja notis ĉion. Nun li jam havis longegan liston. Ĉio enestis: poto, ŝtalkudrilo, teksaĵo, teo, tabako, muzikanta skatolo por Apanasij Hatanskij, samovaro por Fedor Jar. Volenevole, Kostja nun jam devis alporti ĉion al tiuj homoj sur la tundro, por pravigi ilian gastamon kaj esperon.

Fine li atingis la distriktan centron. La cervoj gaje kuris en la grandan vilaĝon apud la dormema rivero, kaj la gvidanta njeneco demandis Kostjan:

— Kien?

Kostja pripensis, pripensis, poste diris:

— Al NKVD.*

Sed la ĉefo de NKVD ne estis hejme.

— Li iris sur la tundron — diris la deĵoranto, — baldaŭ li revenos. Sed ĉi-tie estas lia adjutanto.

* NKVD: komisiono de interministerio.

— Nu, kie do la adjutanto? — diris Kostja. Kaj oni enlasis lin al la adjutanto.

Tiu estis juna vireto, kaj lia tuta vesto estis nuraj rimenoj. Zon-rimeno, burs-rimeno, map-rimeno ktp.; eĉ la cervledaj botoj estis ligitaj per rimenoj. Ĉiuj rimenoj estis novaj, flavaj, ili knaris, kiam la adjutanto turniĝis sur la seĝo.

— Mi estas Lobas, el la kolonio Tri Krucoj, — prezentis sin Kostja.

— Ha, jes! — ridis la adjutanto. — Ĝuste vin mi bezonas.

— Nu, mi do alvenis! — ĝojis Kostja.

La adjutanto refoje lin rigardis atente, envokis la deĵoranton, kaj ordonis, ke oni tuj arestu Kostjan Lobas.

— Kiel? — hurlis Kostja. — Kial?

— Vi scias mem, kial, — kriis la adjutanto, kaj Kostja sin trovis malantaŭ krado.

Misŝanca estis Kostja Lobas, pri nenio li sukcesis. Nun fine li atingis sian celon. Kaj kio okazis? Li trafis en karceron. Neniom li kulpis; certe estas, ke li liberiĝos. Ĉio malkaŝiĝos, tio estas memkomprenebla; ĉi tio estas la spritaĵo de Tisa. Sed ĉu oni kredos, kion li diros? Kaj se oni ne kredos, kial je la diablo li agoniis, kaj kial li ne mortis dum la vojo?

Post tri tagoj oni ree lin venigis al la ĉefo. Nun tiu jam alvenis. En la kontoro ĉeestis ankaŭ la adjutanto kun la knarantaj rimenoj, sed nun li rigardis Kostjan tre malgaje. Je sia miro, Kostja ekvidis tie ankaŭ la gvidantan njenecon; la njeneco kapsignis al li, kaj Kostja responde ekridetis.

La ĉefo stariĝis kaj iris akcepti Kostjan.

— Pardonu nin, kamarado Lobas! — li diris etendante manon, — ĉi tie okazis eraro. — Kaj li rigardis la knar-rimenan adjutanton, kiu ruĝiĝis. — Jen, legu.

Kostja legis. Estis radiogramo de Tisa: magazenisto Lobas fuĝis kunportante la kason.

— Mensogo! — kriis Kostja.

— Mi scias, — respondis la ĉefo kaj ridis. Li havis bonan gvidanton. La njeneco tri tagojn furiozis: „kien oni metis nian komercistion".

Jes, jes, kapjesis la njeneco. Nia Kostja... Mia frato... Kamarado... ĝuste, ĝuste...

— Ni iru! — diris la ĉefo, kaj li gvidis Kostjan kaj la njenecon en alian kontorĉambron.

Tie estis pluraj gvidantoj. Kostja neniun konis el ili, sed li divenis, ke ili estas reprezentantoj de la distriktaj registaroj.

— Do, rakontu, kio okazis, kamarado Kostja, — turnis sin al li la prezidanto de la kunveno.

Kostja ankoraŭ sentis la ofendon de la aresto kaj kolere grumblis:

— Kian registaron vi reprezentas, se vi ne scias, kio okazas sur la tundro?

Multaj malsereniĝis, kaj iu ekmurmuris:

— La tundro estas granda... Via distrikto estas malproksime... Ne ĉie estas tiel.

Sed la prezidanto interrompis lin.

— Do la lokaj registaroj estas malbonaj. Nu, egale, rakontu.

Kaj Kostja klarigis. Oni aŭskultis lin, metis al li demandojn, kaj delasis lin kun la promeso, ke ili faros la necesajn paŝojn.

Jen, nun li estas jam libera, faris sian taskon. Kion fari plu? Li eliris sur la straton kaj promenis malrapide. Kion fari nun? Nun jam neniu bezonas lin.

Li atendos la printempon kaj forvojaĝos, pri kio tiomfoje li revis en la ĉambreto de la kolonio. Eble li eĉ ne atendos la printempon, sed prenos aeroplanon kaj forflugos.

## VESPERA KAMPO
### David Morton

Ĝi portas la krepuskon, kiel virino portas
Palan, fieran belon por plaĉi al amanto,
Kun tro trankvila koro ĝi nun jam ne plu zorgas
Pri la svarmanta mondo, pri ties bunta kanto.

Kiel virin' soleca silentas ĝi mistere;
En sonĝoj perdiĝinte ĝi eĉ ne ekdistingas,
Ke la ĉieloj vastaj ekfloras stel-post-stele
Kaj la krepusko pigra al nokt' profunda sinkas.

De la montet' la luno, kiel amanto, venas,
Klinante sin tra l'arboj, tra l'ombroj pal-radiaj,
Kaj trovas, ke ĝi belas, silentas kaj solenas,

Ke ĝi surportas, kiel ĉiam en noktoj tiaj,
Fantome fosforeskan, glimbrilan palan belon,
Kiel virino portas tra l'nokto sian belon.

El la angla: **L. Tárkony.**

Li prokrastis, ĉiam prokrastis la forvojaĝon. Kio lin tenis tie? Li mem ne sciis. Li pensis, ke certe tiuj promesoj lin tenas tie, kiujn li faris al la njenecoj. Jes, jes, certe tiuj.

Li prenis el la poŝo la kunfalditan leteron kun la listo de la petitaj aĵoj, kaj tralegis. Sur la papero sentiĝis la fumodoro de la tendaraj fajroj, kaj li ekĝojis pri tiu odoro kaj ridetis kortuŝite. Li iris kun tiu listo al la kooperativa kontoro, trovis la ĉefon, transdonis al li la liston, kaj longe klarigadis, kion bezonas la tundro. Oni promesis al li, ke ĉion oni sendos, kaj tamen li ne foriris. Li revenis de la sojlo. Kontraŭrigardis la ĉefon.

— Vi do faros, ĉu ne?

Ree li foriris, ree li revenis: „ĉu vi komprenis, kio necesas? Bona teo, krikolora teksaĵo, nepre pafilo kun kartoĉoj . . ."

Fìnfine definitive li foriris. „Nu, ĉi tio estas preta. Nun kion mi faru? Ĉu mi forvojaĝu?"

Liaj pensoj obstine sin turnis al la tundro kaj ne povis forŝiriĝi de tie.

Ĉe Fedor, ĉe la kruco, oni manĝas la lastan farunon, — li pensis dum tagmanĝo. Ĉe Japtune elĉerpiĝis la teo. Jam tiutempe li diris, ke restis nur ĉirkaŭ 12 kuiroj.

Li konis la neceson kaj bezonon de la tundro. Kaj tiam li rapidis ree al la distrikta kontoro.

— Kial vi malfruas? — li kriis al la sekretario — tie ja mortas la homoj.

En la kontoro oni jam konis lin. La sekretario lin alrigardis lace kaj respondis:

— Baldaŭ, Kostja, atendu.

Atendi? Kial Kostja atendu? Ĉu lia afero? Li estas libera birdo. Li povas flugi per aeroplano al la fervojo kaj ree provi ŝancon kaj serĉi ĝojon. Kial li restas tamen?

Li diris al si: Tiun tagon, kiam la kompenso foriras al la tundro, mi forvojaĝos.

Sed foje, rapide, oni lin venigas en la oficejon, kaj li ne iras, sed kuras. La sekretario atendas lin brilante de ĝojo kaj krias:

— Do, Kostja, ĉio en ordo! Jen la ordono de la centro.

— Nu kaj? . . .

— Ni havas la permeson kunpreni kvin traktorojn. Ni havas la permesojn mobilizi la cervojn. Ni ricevos tri aeroplanojn.

— Nu vidu, — suspiris Kostja malpeziĝe.

Nun do li povas forvojaĝi. Kial li tamen malgajiĝis?

— Sidiĝu, Kostja. Kial vi staras. Ankoraŭ multe ni devas priparoli. Ni decidis, ke ni nomumos vin ĉefo de la ekspedaĵo, kaj ke post via alveno vi transprenos la gvidon de la kolonio.

— Ĉu mi? — ektimis Kostja.

De kio li ektimis? Se nur li ne devas forvojaĝi!

— Do — li diris kun tremanta voĉo —, do ĉu vi akceptos min definitive kaj nereprenéble?

— Ĉu vi do ne volas tion? — miris la sekretario.

Ĉu li volas? Diablo scias, li mem ne vidas klare, kion li volas. Li scias nur, ke li ne volas forvojaĝi de tiu tundro, de tiuj homoj. Do — adiaŭ gloro, revoj, esperoj?

Sed li ne havis tempon mediti longe. La sekretario lin rapidigis. Li komencis kalkuli kaj profundiĝis en la kalkulado. Post unu horo li foriris de tie kiel ekspedestro kaj koloniestro.

6.

La ekspedaĵo ekvojis.

Antaŭe flugis la aeroplanoj, sur unu el ili la komisiito de NKVD, kiu havos ian aferon en la kolonio. Kostja sciis, kian. Poste iris la malpeza cervojungaĵo de la ĉefo; lin sekvis la longa, brua cervokaravano. Kaj ĉe la fino pasis bruege la peza artilerio — la traktoroj.

Kaj ĉio — la aeroplanoj, la rampantaj traktoroj, la kurantaj cervoj — obeis al Kostja. Antaŭ li estas la granda vojo tra la tundro. Tiu vojo, kiun iam li trapasis mortante kun la senfortaj hundoj. Nun li iris ĝin kiel venkanto: liaj flugiloj estis pezaj de ŝarĝo, sub la fervermoj la neĝo grincis, la pelantoj de cervoj kaj la maŝinistoj raŭke kriegis, kaj kia ajn estis la vojo tra la tundro, al Kostja ŝajnis, ke ĝi estas tre facila.

Tio estis tia ekspedaĵo, pri kiu eĉ nun oni parolas sur la tundro apud la tendarfajroj.

La cervoj kelkfoje falis sur la glacio. La traktoroj ek- kaj ekhaltis inter la glacimontoj. Tia frosto estis, ke ĝi estis preskaŭ neeltenebla. La maŝinistoj grumblis: diabla vojo, sed Kostja ne konis laciĝon.

# El „Amor Fati"

## Rakontoj el Bergen-Belsen

HERZBERG

### La Ka-Po

En iu vintrotago, tra frue, antaŭ la kutima laborkolektiĝo, kiam estis ankoraŭ tute mallume, Joseph Kramer, la komandanto forlasis sian varman ĉambron kaj eniris la tendaron. Li venis, tondris kaj venkis. Kaj tuj post kiam li kun sia bela, brila, grizleda mantelo malaperis en la peza nebulo, kvazaŭ li vaporiĝus en ĝi, tuta nubo da Scharführer tondris plue.

Palacrevolucio. Forviŝiĝis la aŭtonomio de la kampo ekzistanta ĝis tiu momento, maldungiĝis, dezirate inferen, la *Ältestenrat*,[1]) eĉ kune kun la *Judenältester*,[2]) sin sentanta tute senkulpa, sed jam perdinta multon de sia autoritato fakte neniam granda — kaj kiu ŝarĝiĝis per tiom da kondamnoj, pri kiom la diablo mem nepre ne povas disponi. Tial do tiu *Judenältester* kun siaj plej fidelaj kunuloj penadis longajn monatojn de matene antaŭ sunleviĝo ĝis profunde en la nokto, tial do li ridaĉis *diensteifrig*[3]) pri ĉiu triviala humoraĵo de kiu ajn uniformo, tial do li *höchstgehorsam*[4]) kuris kiel anhelanta hundo post ĉiu paro da biciklantaj botoj por akcepti ordonojn, tial do li staris *stramm*[5]) lasante sin surverŝi per koto de ĉia humiliĝo! Kompreneble, en la intereso de la komuno, sed ankaŭ por la kulero da supo kaj ekstra pantranĉo. Kaj ofte certe por iom pli.

*Die Schweinerei soll aus sein!*[6]) *Die Schweinerei* finiĝis. Venis nova *Schweinerei:* la aĉaĵo de la Ka-Poj.

La pikdrataj kradoj malfermiĝis, la ĉapoj humile demetiĝis kaj jen: ili eniris. Antaŭe la Ka-Po[7]) de la Ka-Poj, viro ĉirkaŭ 45jara, malalta, masiva, preskaŭ ĝiba staturo, kaj sur tiu: tro granda, kalva kapo kun senkolora ruzaĉa vizaĝo, sen ia kroma esprimo. Post li kvin, ses murdistoj kun bastonego en la mano kaj kun la vera agvolupto en la okuloj kaj ĉirkaŭ la buŝo.

Ili estis bonege vestitaj, eĉ preskaŭ ŝike. Kaj jam unuavide oni povis supozi, ke ne honeste ili akiris tiujn belajn vestojn. Ĉio tio estis — certe laŭ la ĉirkonstancoj en la kampo — iom troigita, tro deca,. Ili portis neriproĉeblajn botojn, tamen sur la dorso la signon de humiliĝo, sur la malhelan mantelon oni kudris — ree iom tro zorge — buntan ŝtofpecon. Laŭ tio oni povis konstati, ke ili — ankaŭ ili — estas kaptitoj.

Ili aspektis bonfartaj, sanaj kaj fortaj. Niaj malplenaj stomakoj grumblis kun la

1) konsilantaro de plejaĝuloj
2) aĝrangulo de judoj
3) fervorserveme
4) plej obeeme
5) rigide

6) la porkaĵo (aĉaĵo) devas finiĝi
7) policano-kaptito

---

— He, Vasilij Japtune! — li kriis. — Vi petis novajn armilojn. Mi alportis ilin. Bonŝancan ĉason, Japtune. Mi atendas vin kun via kaptaĵo en la kolonio.

— Kiu estas tie? Fedor Jar? Vi petis kupran samovaron, ĉu ne, Fedor? Jen la samovaro. Trinku la teon kun sano, Fedor Jar!

Li revis pri tio, ke vintre li iros la tundron kun migra komerco, kaj en ĉiu tendo oni lin atendos kiel amatan gaston. Li estos tia komercisto, kian oni ankoraŭ ne vidis ĉi tie. Kaj la gloro? Por kio la gloro? La gloro estas fumo. Kaj finofare, definitive li forĵetis tiujn pensojn.

Li ne sciis, ke en tiuj tagoj la nomo de Kostja Lobas enestis en ĉiuj gazetoj. La atento de la tuta lando sekvis lian nutrajekspedan karavanon. Kaj kiam en la Lupopasejo la neĝblovo kovris la ekspedaĵon, pri tio sciis la tuta lando.

. . . Li ekscios sian gloron nur tiam, kiam post unu jaro la malnovaj gazetoj alvenos sur la tundron.

El la rusa: **K. Stelov.**

envio de nenioposedantoj: „Ili satiĝis". Kaj ĉar ili satiĝis, ili tuj inspiris certan respekton: la mistikan respekton de la malsatulo al la satulo.

Sed ili ne kulpis, tio ja apartenis al la reĝio de la germano, kiu sciis atenti ĉiun detalon. Ka-Po estas la kaptito, kiun oni faras ĉeflaboristo, gardisto, instiganto al siaj kunkaptitoj. Kelkfoje oni krome faras lin spiono, sed speciala komisio al tio ofte superfluas. Bona Ka-Po fariĝas tiu, kiu per si mem komprenas, kion oni postulas de li. Generale li servas kiel kondukilo de la premo, kiun la nacisto deziras suferigi al siaj viktimoj. Kiel rekompencon li ricevas pli bonan kuŝejon, sufican nutradon, la rajton privilegie proprigi al si la vestojn de mortintoj, aŭ — ne tre okulfrape — ŝteli ilin. Por tiu faro la teknika termino estas *organisieren.*[8]) Krome li ekhavas la netaksablan feliĉon, ke li rajtas bati, tiom forte kaj ofte, kiom li deziras, ne timante, ke oni rebatos lin. Li ne nur rajtas, ne, li eĉ devas komandi. Kontraŭparolo estas *niedergeschmettert.*[9]) Kaj tiel oni aĉetis lin kaj krome atingis, ke en la armeo de la kaptitoj estiĝas preferata klaso, pro kio ia eventuala unuanima rezisto jam ĝerme estas rompita kaj disvolviĝeti eĉ ne povas. La germanoj sciis, ke en multaj homoj vivas io malforta, kio — malgraŭ tuta malamo — tamen sin klinas antaŭ prefero kaj agnoskas ĝin. Tio ĉiuokaze konformiĝis al ilia sistemo, kiu implicis konsekvencan spekulacion al la regato, al la sklavo en la homo.

Niaj Ka-Poj devis transpreni la taskon de la eksiĝinta Ältestenrat: la dividadon de la manĝo kaj la kontrolon pri ĝi. La kontrolon pri barakoj kaj puro, teorie ankoraŭ supozata en la kampo. La perfortan kunigon de la kamploĝantaro por la ĉiutaga kolektiĝo, la aranĝadon de kutima antaŭkolektiĝo, por ke la *Scharführer*[10]) povu indulgi siajn fortojn kaj limigi sin al nura kontrolado, — krome la „elkombadon" de la kampo por kunmeti la diversajn *Arbeitskommando's.*[11])

Kaj la Ka-poj faris sian devon. Bombastante pri *Gerechtigkeit*[12]) oni anstataŭis la enŝteliĝintan kaj sub tiuj cirkonstancoj neeviteblan, kvankam harstariĝan koruptadon per nova koruptado. Kelkajn privilegiulojn oni eksigis serve al aliaj ankoraŭ pli privilegiaj, koncize: daŭris nur mallonge, ĝis la monotona vivado muelis nin kiel antaŭe, kiel plezuro el ĉi tiu, kiel indignigo al alia. Kaj ĉi-foje tiom pli, ĉar la Ka-Poj fakte ne ĉiurilate povis plenumi la praktikan laboron, nek la Scharführer. Kaj pro tio okazis, ke la homojn, prefere malsanulojn ili pelis el la litoj ŝajnigante en la ĉeesto de la germanoj grandan fervoron, tamen plejparte lasante la laboron al la judoj. Tio kaŭzis, ke tamen rec estiĝis ia sinregado, ĉe kiu la Ka-Poj sin limigis ludi la sinjoron (t. e. serviston, kiu havas serviston), parade kaj spektakle trairante la barakojn, dispecigante siajn bastonegojn sur tabloj, benkoj kaj ŝrankoj aŭ se tiel konvenis, sur la dorsoj kaj kapoj de tiuj, kies humilon aŭ fervoron jen prave, — jen malprave ili supozis dubinda. Ankaŭ de tempo al tempo oni povis aŭdi tra la tendaro la hurladon de ia ŝtelinto, kiu „rabis" pecon da pano kaj tial ricevis la faman *Prügel.*[13]) Kompreneble, fare de la Ka-Poj.

Kaj tamen ili ne tiom forte batis, kiom oni komisiis al ili. La Ka-Poj estis homoj diversnaciaj, plejmulte poloj, kiuj jarojn, — kelkaj eĉ 10 jarojn kaj pli — pasigis en koncentrejoj nur inter viroj kaj tie eklernis la „klakadon de vipo" proprakorpe kaj cetere tute rutiniĝis en la tendara vivo. En Bergen-Belsen fine ili trovis, kion ili sopiregis dum jaroj kaj kio taŭzis ilian sonĝojn: la virinon.

Kiel ŝi venis tien?

Bergen-Belsen estis fakte ne koncentrejo laŭ la terminaro de la nacistoj, — almenaŭ kiom rilatas la regatan parton. Origine ĝi estis *Austauschlager,*[14]) t. e. ke ĉiujn elementojn, pri kiuj oni supozis, ke ili siatempe povos esti interŝanĝataj kontraŭ ŝtatgermanoj loĝantaj eksterlande, oni tie koncentrigis. Poste, kiam la *Austausch* plejparte montriĝis iluzio kaj ankaŭ aliajn grupojn, pri kiuj oni probable ne sciis solvon,

8) organizi
9) frakasita
10) serĝento
11) laborkomando
12) justeco
13) tradraŝado.
14) interŝanĝa tendaro.

oni transportis al Bergen-Belsen, la germanoj nomis la kampon *Aufenthaltslager.*[15] Tamen ĝi estis kaj restis *Vorzugslager,*[16] kio estis relativa, sed absolute ne fiktiva kompreno, malgraŭ la fakto, ke la tendaro multrilate, precipe en la daŭro, estis multe pli malbona, ol aliaj tendaroj. Tie ekzistis gravaj profitoj, el kiuj la ĉefa estis, ke oni ne disigis la familiojn. Tio okazis nur, se la „alta gvidistaro" en Berlino decidis koncerne iun grupon, ke tiun oni ne plu rigardos preferinda. Tiuokaze t. n. „malbona transporto" ekiris kaj la kaptitoj laborantaj ekster la tendaro povis vidi, ke edzoj kaj edzinoj devas iri apartan vojon al malsamaj celoj, kiujn neniu konis, kiujn neniu imagis al si kaj de kie ili ne revenos. Kaj ĉi-okaze ili povis observi ankaŭ la edifan scenon de patrinoj adiaŭe kisantaj siajn infanojn. Tio estis la akcesoraĵoj de germana idealismo.

Tamen, kiel ajn, Bergen-Belsen estis miksita kampo kaj malgraŭ tio, tie preskaŭ ne ekzistis erotiko. Ne pro moralo aŭ ĉasto, sed pro malsato kaj malforto. La viroj kaj virinoj jam forgesis, ke ili estas divers-seksaj kaj ĉi tio igis ĉion iom fantomeca. Ili preteriris unu la alian neŭtralaj, kiel vivantaj, klakantaj skeletoj. Tamen la Ka-Poj estis sataj. Kion ili faris vidante virinojn? Same, kiel birdoj faras printempe: paradi. Ree estis io konkerebla, jam de longe forgesita, natura funkcio! Sed konkeri ili ne povis per manoj tro sangaj kaj tial ili sin iom bremsis, spite sin mem. Peco da pano aŭ kolbaso, iom da sukero aŭ margarino, ĉiuj dolĉaĵoj, kiujn la Ka-Poj povis akiri, faris la ceteron. Kaj pli? Ĉu ni iam scias, kion du homoj, solaj, inter si diras? Ankaŭ tiam ni ne sciis. Ni vidis, ke ekzistas virinoj ne tiom hezitantaj pri elekto inter amindumo kaj morto. Kaj sendube ankaŭ iom da enamiĝo ludis rolon.

Oni pensu kiel ajn pri tiuj rilatoj inter viroj ne malpli ol murdistoj kaj virinoj prostituantaj sin al siaj plej akraj persekutantoj kaj la persekutantoj de ilia propra rondo, tamen ĉi tiu konduto havis rimarkindan rezultaton. Estiĝis ia limiĝo, preskaŭ mildiĝo, konfliktoj malpli akriĝis, ekestis iom da inklino al kompreno pri la konkretaj bezonoj. Kaj la Ka-Poj, kiel ni poste eksciis, senditaj por kiel eble plej batmortigi nin, kaj jam denaske netimantaj antaŭ io tia, tamen ne faris tion. Eĉ male, oni povis konstati ĉe ilia gvidanto, — kiu, almenaŭ kiom ni povis esplori, faris ian kapitaltrompon — simptomon de kompato kaj eĉ rimarkis klopodon helpi nin. Tio tamen ne malhelpis lin kaj lian bandon furioziĝi aŭ sovaĝiĝi tuj, kiam ili ne strikte estis obeataj aŭ imagis renkonti reziston.

Jes, la germanoj bone sciis, kion ili faras, enkondukante la principon *Blutschande,*[17]) deklarante tion misago al la popolo kaj plej rigore punante la malobeon al la ras-leĝoj. Sen tio ili atingus ne pli, ol la historian progromon, por kiu la sopirego al virinoj estis unu el la plej gravaj, kvankam nur latentaj sugestiloj, kaj tiu post la kontentiĝo de tiu sopirego, daŭrus ne pli longe ol kelkajn tagojn kaj poste neniiĝus. Ili konis tiun sovaĝan, elementan pasion al la fremda kaj persekutata virino, kaj ju pli bone ĝin konis, kaj ju pli forte tiu pasio ardis ankaŭ en ili, des pli pasie ili klopodis ĝin subpremi. Sub la falsa devizo pri la „pura raso" ili devis teni fajretanta la pasion al la fremda raso, aŭ almenaŭ tiel sentata, ke ĝi tamen ne estingiĝu, sed nepre repuŝiĝu en kaŝitajn anguletojn de la animo kaj tie estigu malpacon, ŝanĝeblan en konstantan, blindan malamon. Ekzemple oni ordonis al *Scharführer* gardi nudajn virinojn ĉe banado kaj ili faris tion kun plej senhonta indiferento. *Befehl ist Befehl!*[18]) Ĉio estis spekulacio, kaj se ne estus spekulacio, sed intuicia politiko, ĝi estus ankoraŭ pli terura. Ĝuste, ĉar la devizo estis falsa, oni promociis ĝin vero.

Estis ankoraŭ io en la tendaro, kio altiregis la Ka-Pon: oro. Ĉiu ja havis almenaŭ geedziĝan ringon, oraman pinglon aŭ broĉon, kompreneblan kontrabandon, kaŝitan en aŭ sub la matraco. La Ka-Po vidis proksimiĝanta la finon de la milito kaj kun ĝi la ridaĉantan mizeron. Ekestis vigla komercado kun ĉio implicanta ĝin: merkatprezo, kurzoj, perantoj. Geedziĝa ringo, havanta sufiĉan pezon, valo-

[15]) tendaro de provizora restado.
[16]) tendaro de preferatoj.

[17]) rasmalpurigo.
[18]) ordono estas ordono.

ris kvar ĝis ses panporciojn. Panporcio estis tranĉo tri centimetrojn dika. Ekestis komerco pri vivo kaj morto kaj la Ka-Po farinta kun la kaptito komunan aferon kontraŭ la germano, ekhavis intereson pri ties vivo.

Tamen, konsiderante ĉion ĉi, eĉ lian koron iom kvietiĝintan, ni ankoraŭ ne pretas toleri la Ka-Pon. Li estas unu el la plej gravaj kaj plej klaraj figuroj el la *tableau de la troupe*[19]) de la nacisocialismo, kaj nek lin, nek kelkajn aliajn ni rajtas forgesi, se ni interesiĝas pri la estonteco.

Ĉie ni renkontis lin, ĉe judoj kaj *Häftlinge,*[20]) en la tendaroj kaj ekstere. Li ne ĉiam estis sangavida, en la kruelo ankaŭ *ne* estis lia kriterio. Ni serĉu tion aliloke.

Ĉiu homo havas en sia laboro la elekton inter du vojoj, egale kio li estas, ĉu laboristo, artisto, komercisto, aŭ politikisto. Li povas servi sin mem, tio estas unu vojo; li povas servi ankaŭ la aferon, kiun li volas servi. La Ka-Po estas la homo, kiu ĉiel servas sin mem.

Kompreneble, li ĉiam ekzistis kaj ĉiam ekzistos ,sed la nacisocialismo povanta utiligi almenaŭ la negativecon de la kontraŭulo, lin reliefigis, lin antaŭenigis, lin luis, kompensis kaj tiom ekspluatis, ĝis li kredis, ke li estas utila.

Afere direktita kunlaboro estis malfacila kaj grandparte eĉ neebla en la tendaroj. La germanoj eliminis ĉion ĉi per la efekto de la persekutado tiel, ke multaj, posedantaj kapablon kaj emon por tiu laboro, jam foriĝis, antaŭ ol la malsato deprenis de ili la lastan eron da energio al tio. Plej ofte nur tiuj restis, kiuj en laboro por la komuno ĉiam serĉis panakiron por si mem, aŭ rimedon por okupi postenon. Ili estis la Ka-Poj, la ĉeflaboristoj, la organizantoj. Ili ne estis nacisocialistoj, male, ili apartenis al la viktimoj de la nacisocialismo. Kaj la nacistoj, kiuj pro tio ne povis transformi ilin siaj amikoj, do almenaŭ kreis el ili malamikojn de siaj malamikoj. Tion ili efektivigis per iom da bongustaĵoj kaj iom da potenco kaj tio estis sufiĉe malkara. La bongustaĵoj konsistis el iom da manĝo, kiun ili ŝtelis de la porcioj de aliaj kaj ankaŭ la potencon devis pagi tiaj aliaj.

Kaj kiam estis cigaredoj, la Ka-Poj ricevis la unuaj.

Ili akceptis ĉion ĉi kaj sentis sin tre kontentaj. Laboremaj homoj, kiaj ili denaske estis por povi fariĝi Ka-Poj, ili nun ree havis ion fareblan kaj prizorgeblan. Kaj kelkfoje, kiam ili — kiel la Ka-Po de la Ka-Po en Bergen-Belsen — disponis pri iom da organiza talento, ili akiris okazon por tio.

Kiom agrable, kiom aspirinde, ke ili povas esti iom pli ol la aliaj, ne devas stari kiel mizerulo en vico de la mizeruloj, sed antaŭ, aŭ flanke de ĝi. Ke ili povas envicigi la mizerularon en *Fünferreihen,*[21]) povas nombri la sklavojn, povas komandi: *Vordermann*[22]) kaj *Seitenrichtung.*[23]) *Links-zwei, drei vier!*[24]) Kaj kiam aliras Scharführer: *„Mützen ab!"*[25]) Kiom aspirinde, ke ili povas dividi la aĉan, devigan laboron, ke ili povas profitigi iun per loko ĉe la fono kaj sendi alian en pluvon kaj sentigi al iu alia, ke oni havas potencon. Kial do oni havas potencon, se ne tial? Oni estas ne nur tretata, sed ankaŭ rajtas treti kaj do sekve oni havas signifon. Ke favorojn ili

[19]) apero de ĉiuj aktoroj sur la scenejo fine de akto.
[20]) kaptitoj.

[21]) vicoj po kvin.
[22]) antaŭulo en la vico.
[23]) vicordiĝo laŭ la flanko.
[24]) maldekstra (piedo) du, tri, kvar.
[25]) Demetu ĉapon!

# *La bona viro*

**Sully-Prud'homme**

Li estis viro milda kun farto malfortika,
kaj dum la polurado de vitroj por okuloj
li la esencon dian difinis per formuloj
tre netaj, tiel netaj, ke l'mond' iĝis panika.

Tiu saĝul' demonstris per pruvo malkomplika,
ke bono kaj malbono estas nur simplaj nuloj,
kaj ke marionetas liberaj mortemuloj,
dum la fadenojn tiras Neces' severlogika.

Li, pia admiranto de la sankta Biblio,
ne kredis ties fonton eksternatura Dio,
tial la sinagogo oponis, furioza.

Kaj dum li poluradis la vitrojn por okuloj,
en komputad' de steloj li helpis al kleruloj...
Li estis viro milda, Baruĥo de Spinoza.

El la franca: *Marcell Delcourt*.

# La lasta printempo de Saadi

Avetik Issakian

Venis la printempo.

Unu el tiuj printempoj, kiuj plibeligas la teron, Saadi, la poeto de la ĝojo, kaj de la tristo, vivis cent similajn printempojn.

Saadi vekiĝis frumatene. Li eliris al sia floranta ĝardeno, kuŝanta sur la bordo de la rivero Ronabad. Ankoraŭ unufoje li volis aŭskulti la kanton de la najtingalo kaj vidi la miraklojn de la printempo.

Li turnis la okulojn al la vastaj kampoj de Ŝiraz, apenaŭ vekiĝintaj el la matena dormetado, sur kiuj belaj rozoj ekburĝonis. Blanka, parfuma nebulo ilin kovris.

Saadi sidiĝis sur disrulitan tapiŝon el Ispahan, sub arbedo de florantaj jasmenoj, per siaj tremantaj fingroj retenis kaptitan rozburĝonon, verdan kaj ruĝan, apenaŭ apertiĝintan, kaj li murmuris mallaŭte:

— Kiel juna virgulino ridetas al sia amato, sidante ĉe liaj piedoj, tiel same apertas la rozo siajn lipojn al la matena vento!

Kvankam Saadi estis ŝarĝita per jaroj, lia animo kontinuis percepti per la okuloj kaj oreloj duone ekdormintaj la mirindajn fenomenojn kaj pentrajojn de la naturo, la kantojn kaj la forajn, mutajn spacojn; li kontinuis babili kun la sorĉanta ĝenio de la poezio — la birdo Zmrucht, kies nesto lokiĝas sur la supro de la monto Kaf, en la regno de la steloj...

La najtingaloj, kun klaraj okuloj kaj griza plumaro, pepadis en mirindaj triloj; brulante de la fajro de la amo, ili kantis en la koro de Saadi.

La virga spiro de la dolĉa zefiro murmuris al la rozoj la mesaĝojn, kiujn ĝi al ili alportis de foraj enamiĝintaj rozoj kaj la animo de Saadi deĉifris tiujn ĉi ampromesojn.

„Amanta koro komprenas ĉiam la lingvon de la naturo. La universo estas pleniĝita per harmoniaj sonoj. La universo vivas en pasio kaj eterna ebriiĝo“, diris al si Saadi ripetante siajn proprajn parolojn iamajn.

El sia tuta animo li aŭskultis la kanton de

---

povas arbitre dividi, iujn igi dankaj per la dikaĵo de la rapsupo kaj sin venĝi al aliaj, donante nuran akvon. Ke ili povas tondri, kiam apudas la *Scharführer*, por ke li sciu, ke oni komprenas, kiel decas. Kiam pro tio fariĝas puno, povi ŝovi la humiligon al la punito kaj ĉion ĉi povi senkulpigi por si mem kaj sia konscienco per la servo, farita al la komuno; kaj la „Respondecon“, kiun oni portas, povi ŝajnigi pardono pro siaj vangoj, po iom dikiĝintaj! Enmanigu al la Ka-Po bastonegon kaj tuj lia brusto ŝvelos. Per ĉi tiu marŝal-sceptro de senmoraleco li nun montros, kion li do kapablas fari.

Kaj spite ĉion ĉi la Ka-Po tamen ne servas la nacistojn. Li mistifikas sin mem kaj vin, ke li agas en la komuna intereso. Li servas nur sin mem. Rigardu nur tiun fadenulon, pretan sangige bati buŝon kaj orelon de siaj kunuloj jam nur pro ĉiu supozita misago. Aŭ tiun alian, tiun barelulon, neniam satiĝantan per sia aŭtoritato. Ili diras, ke ili deziras deturni la minacantajn, kolektivajn punojn, kiujn la germanoj tiom ŝatas. Ĉi tio ne estas vera. Unu trovis „propekan kapron“ por sia mizero kaj alia ne scias, kiel teni sin naĝanta en tiu maro da maljusto kaj humiligo. La mizero denove forgesis nobligi, — malgraŭ tio, ke oni ofte dorlotas tian iluzion. La germano iom ridas, li ja scias, ke tio sufiĉas al li. Por li estas la fruktoj.

Ĉi tiuj fruktoj estas la mortintoj, pri kiuj la kuracisto oficiale atestas, kiel mortokaŭzon: „*Kreislaufschwäche*.“[26])

La Ka-Po trovas tion tre malagrabla kaj ĉi-foje li sinceras. Li ankoraŭ ne estas tiom rutinaĉa, kiom lia mastro. Sed ja, kion oni postulas? Ankaŭ li ja devas ĝisvivi la finon...

Kiom malproksime ili jam estas post ni, ĉiuj tiuj figuroj el la nacisocialista tempo!

Ne tiom fore, ne tiom malproksime. Oni tuj povas fingre montri — ekzemple en estraroj, registarfakoj, en kontoroj, en fabrikoj, inter oficistoj kaj organizantoj — tiujn, kiuj en koncentrejo fariĝus Ka-Po kaj kiuj ne.

El la nederlanda: **P. Ŝvarc** kaj **Nieuwenhuizen.**

[26]) malforto de sangcirkulado.

la najtingalo kaj paŝtis siajn okulojn per la beleco de la purpuraj rozoj. Saadi enspiris avide ilian sorĉan parfumon; ebriiĝinte, li fermis la okulojn kaj li vidis en sia animo la universon kvazaŭ en sonĝo.

Li vidis la silentajn akvojn de la rivero Indus ombrumitajn per sanktaj lotusoj.

En la ĝangaloj li vidis la saĝajn kaj sonĝantajn elefantojn. Li vidis en la oritaj palacoj de Delhi la belajn virgulinojn, kun purpuraj floroj pikitaj inter iliajn harojn, kiuj nigris kiel la nokto.

Li vidis la ebenaĵojn de Turano tremigatajn per la tempestoj kaj per la timigaj, misvolaj ĝenioj, kiuj ŝvebis en la aero sur la flugiloj de la tempesto, svingante fajroglavojn.

Li vidis ankaŭ la dezerton, bruligitan per la suno, la surĉevalajn beduenojn, kiuj persekutas la rapidajn ĉamojn sub la okuloj de la agloj ŝvebantaj en la aero.

Kaj li vidis senfinajn karavanojn de pilgrimantoj, li vidis ilin surgenuiĝintaj, preĝantaj kaj kantantaj, antaŭ la pordegoj de Mekka.

Kaj li vidis la miraklojn de Egiptio, glorajn per ilia antikveco, kaj la lazuran kristalon de la senfinaj maroj, kaj la dolĉajn virgulinojn de Damas, kun lunkolora korpo; iliaj ravaj kaj fleksiĝemaj brakoj koliere ĉirkaŭbrakis la kolon de la juna Saadi.

Saadi apertis la okulojn kaj eksuspiris:

„Ve, miaj cent jaroj fuĝis kiel dolĉa revo, kiel la sonĝo de unu nokto, kaj la jaroj pasis nerimarkate, ĉar vi, rakontoj, vi najtingaloj, vi, rozoj, kaj vi, junaj voluptemaj knabinoj, fratinoj de la rozoj, ĉiam gardis al mi vian kuneston!"

La radioj de la suno traboris la aerĝardenojn, ore brilantajn per floroj; la herbo kaj la rokoj fajreris per mil fajroj, ĉar la nokto superverŝis ilin per polvo diamanta.

Saadi rigardis ĉirkaŭ si, per siaj profundaj kaj penetrantaj okuloj, kontemplis la lazuran ĉielon, la birdojn flugantajn en la spaco, kiun oris la aŭroro.

Liaj okuloj restis konsternitaj kaj mirigitaj.

„Jes, la universo estas miraklo, konsterna, senfine bela rakonto.

Mi kontemplas la universon ĉiutage kaj ĉiutage mi estas mirigita, kvazaŭ la unuan fojon mi vidus ĝin; universo familieca, kvankam mirinda, universo antikva kaj ĉiam nova, nova per ĉarmo eterna kaj neesprimebla, kaj kiun oni povas kompari nur kun si mem."

Saadi rigardis ankoraŭ unufoje la universon, la ludon de la variaj kaj magiaj koloroj de la naturo; subite li rimarkis du turtojn kun koralruĝaj ungoj, kiuj saltadis en la vasta kampo kaj kiuj interkaresadis voluptemo; tiam Saadi diris al si ankoraŭ unufoje:

„La universo estas sorĉita, ĉio en ĝi estas sorĉita per la magia ringo de nevidebla feino kaj estas transformita en fe-rakonton.

La universo pasas impete, diseriĝas kaj transformiĝas, sed kio konstruas tiun ĉi pompan mondon kaj kio rulas antaŭ nia animo tiun ĉi mirindan rakonton?

Kio puŝas la ĉamon de koro tremanta pro la soifo de la amo, ke ĝi surgrimpu la pintajn rokojn por tie rompi siajn kornojn?

Kio apertas al la rozo ĝian smeraldan korseton kaj igas ĝin disvastigi sian delikatan parfumon?

Kio devigas la homon, ke li aperu el la nekonato, survestu karnon kaj sangon, por ke li pensu kaj suferu, por ke li sentu la flamon de l'deziroj, kiuj nin bruligas kaj por ke li neniam volu morti?

Ho amo, dum estas vi, vi, nevidebla potenco, vi, ravanta tirano, mi konas vin de antau longe! Kaj tamen neniam mi povis kompreni vian profundon kaj vian esencon.

Kaj per sia akrevida animo Saadi komprenis, ke li vivas sian lastan printempon.

La lasta printempo!

Liverante sian korpon, blankan kiel nebulo, al la karesoj de la venteto, aperis Naziat, la amatino de Saadi, juna knabino de Ŝiraz. Ŝi ofte vizitis la poeton. Ŝiaj lipoj, ebriigaj kiel la vino, la blanko kaj varmo de ŝiaj nudaj brakoj plurajn fojojn ĉarmis la maldormojn de la centjara poeto.

Saadi ŝin amis el sia tuta juneca kaj vivama koro, li ŝin eternigis per oraj literoj en sia senmorta *Gulistan*.

Naziat, portante plenbrakon da rozoj, proksimiĝis al Saadi, ankaŭ ŝi mem disvastigis rozparfumon. Ŝi salutis la poeton.

# *Mark Twain kaj la intervjuisto*

*Samuel L. Clemens*

La aŭtoro, uzante ĉiam la plumnomon Mark Twain, estas ĉefe konata kiel humoristo. Ofte lia ŝercemo alprenis formon ridinde burleskan, kiel en la suba „intervjuo.“ Aliokaze ĝi estis pli milda, en romanoj pri knaba vivo laŭ la riverbordo de la Mississippi. Okaze li eĉ estis tre serioza, kiel en lia malamo de milito. Iam li skribis: „Neniam estis justa milito, nek honorinda milito, je flanko de ties iniciatintoj. Mi povas antaŭen rigardi tra miliono da jaroj, kaj tiu ĉi regulo ne havos esceptojn en eĉ duondekduo da okazoj.“

La eleganta junulo sidiĝis je mia invito, asertante ke li estas reprezentanto de „La Ĉiutaga Tondro,“ kaj diris, „Mi esperas ke vi estos indulgema. Mi estas ĉi tie por vin intervjui.“

„Por fari kion?“

„Por vin intervjui.“

„Ho, mi komprenas. Jes . . . jes . . . bone . . . jes, jes — —“ Mi ne sentis min tre sprita tiun matenon. Mi aliris al la librujo, kaj, post kiam mi serĉadis dum ses aŭ sep minutoj, mi diris. „Kiel vi literumas ĝin?“

„Literumas kion?“

„Intervjui“?

„Ĉielo! Kial vi deziras *literumi* la vorton?“

„Mi tute ne deziras ĝin literumi, mi deziras lerni, kion ĝi signifas.“

„Nu, jen estas ja miriga afero, vere! Tamen mi povas ĝin literumi, se vi — —“

„Ho, dankon, dankon!“

„I—N—T—E—R——“

„Do, vi literumas ĝin per »I«?

„Certe! Certe!“

„Ho, estas *tio ĉi*, kio min tiom malrapidigis.“

„Kara sinjoro! Kiel vi intencis ĝin literumi?“

„Nu — mi apenaŭ scias. Mi havis la kompletan vortaregon, kaj mi estis vaganta tien-reen en la malantaŭa sekcio, esperante ke mi povos fiŝkapti ĝin inter la bildoj.“

„Kara sinjoro Twain, pardonu min, sed vi ne aspektas tiel — tiel *inteligenta*, kiel mi

---

Saadi estis malgaja. Melankolio pentriĝis sur liaj palaj lipoj.

— Kial tiu ĉi malĝojo; ho vi, plej feliĉa de la mortuloj?

Saadi gardis la silenton.

— Mi amas vian melankolion, ho Saadi, ĝi estas plena de saĝo; vi diris per viaj diaj lipoj, ke la perloj naskiĝas el la pluvoj, kaj ke brulante la incenso disvastigas sian delikatan parfumon.

Saadi rigardadis la knabinon kun pala rideto.

— Rigardu! mi portis al vi rozojn, velurajn rozojn de mia ĝardeno!

Kaj per la pintoj de siaj fingroj li surŝutis la poeton per rozoj, poste ŝi karesis la melankolian frunton de Saadi.

— La rozoj, kiujn vi donacis al mi, ho virgulino de l'paradizo, ĉiam estis la plej belaj de l'universo kaj ili velkos neniam.

— Ho Saadi! Enspirante la parfumon de rozo, kial pensi pri ĝia ekzisto efemera? Rememoru ĝian parfumon kaj vi pli facile forgesos, ke ĝi estas jam longtempe velkinta,

— diris Naziat ripetante per arĝenta voĉo la malnovajn vortojn de la poeto.

Kaj ŝia hararo, kiu invitis al dolĉa dormetado, kovris la vizaĝon de Saadi en la momento, kiam ŝi surgenuiĝis antaŭ la poeto; venteto leviĝis en la ĝardeno skuante la flugilojn milkolorajn, parfumita venteto; ĝin estigis la mirindaj flugiloj de Zmrocht, kiuj ekmoviĝis, kiam Saadi kun tremanta mano karesis la lulantajn harojn de Naziat.

Poste Saadi el la fundo de sia animo ĵetis rigardon sur la mondon sorĉan, kiu ekbrulis ĉirkaŭ li, poste li reportis siajn okulojn sur la lumantan rideton de la mirinda virgulino, kaj brulanta larmo cindrigis lian maljunan koron; tiam, prenante la etan manon de la juna knabino, li kisis ĝin kaj prenis ĝin sur sian frapegantan koron.

— Surskribu per viaj malgrandaj fingroj miajn lastajn vortojn sur la lastan paĝon de mia *Gulistan:*

„Ni naskiĝas sen nia volo, ni vivas en la konsterno, ni mortas en la malĝojo!“

El la armena: **L. Skit.**

antaŭe supozis. Mi nur aludas tion — pardonu la aludon!"

„Ho, ne gravas. Estas ofte dirite — kaj de homoj, kiuj neniel flatus — ke mi estas tute rimarkinda tiurilate."

„Jes — sed rilate al tiu ĉi intervjuo. Vi komprenas, ke kutime oni intervjuas preskaŭ ĉiun, kiu estas fama."

„Ho, ĉu vere? Sendube estas tre interese. Kiel vi faras tion?"

„Nu — oni okaze *devus* fari ĝin per bastonego! Sed laŭkutime la jena estas la metodo: La intervjuanto faras demandojn, kaj la intervjuato respondas. Ĉu vi permesos, ke mi faru al vi kelkajn demandojn??"

„Ho certe, kun plezuro... Mi tamen ne havas bonan memoron, sed mi esperas, ke tio ne estos grava."

„Dankon. Ĉu vi estas preta komenci?"

„Preta."

„Kiom-aĝa vi estas?"

„Mi havas deknaŭ jarojn, deknaŭ en junio."

„*Ne!* Mi estus konjektinta, ke via aĝo estas tridekkvin aŭ — ses. Kiam vi komencis verki?"

„En 1836."

„*Neeble!* — se vi nun havas nur deknaŭ jarojn!"

„Mi ne scias. Jes, tio ja ŝajnas esti stranga."

„Laŭ via opinio, kiu estas la plej rimarkinda viro, kun kiu vi iam konatiĝis?"

„Aaron Burr."*)

„Sed vi *neniam* estus povinta konatiĝi kun Aaron Burr, se vi havus nur deknaŭ jarojn."

„Nu, se vi scias pli multe ol mi, pri tiu ĉi afero, *kial vi demandas min?!*"

„Ho — estis nur sugesto, nenio plu. Kiel okazis, ke vi konatiĝis kun Aaron Burr?"

„Okazis, ke mi ĉeestis lian enterigon, kaj li petis, ke mi faru malpli da bruo, kaj —"

„Sed se vi ĉeestis lian enteriĝon, li devis esti mortinta, kaj se li estis morta, kiel li povis konscii, ke vi faras bruon?"

„Mi ne scias. Li estis ĉiam strangulo tiurilate."

„Vi diras, ke li parolis al vi, kaj ke li estis mortinta?"

„Mi ne diris ke li estis mortinta."

„Sed li ja *estis* senviva, ĉu ne?

*) Aaron Burr (1756—1836) estis la tria Vic-Prezidanto de Usono, sed ekde 1807 li estis kaj restis tre malpopulara.

## LIBROMALFERMO

### Mart Raud

Libromalfermo similas malfermon de l'pordo,
kiun alfrapis migranto post longa pilgrim'.
Koro ĉe libromalfermo ekbatas kun forto,
fraposimile — ke vi malfermu mem vin.

Libro samkiel migrant' post ripoz' ne foriros,
vortoj simile al sonĝo ne flugos ja for;
libron animo kaj penso por ĉiam akiros,
ago reala fariĝas la vort' en la kor'.

Libron samkiel popolon ja oni katenis,
ĉenojn surmetis, ke restu en muta ĝi stat'.
Flavajn foliojn kruele perfort' piedpremis;
sonis nur krucotintado kaj korvograkad'.

Sed ĝi batalis, sklavecon disrompi aspiris,
ĝi bataladis, iradis antaŭen sen tim'.
Oni ĝin multe ĉikanis, kaptinte disŝiris,
ĵetis en fajron, en cindro surpaŝis eĉ ĝin.

Flage flirtante ĝi kvazaŭ armil' por mi estas,
kiel popol' ĝi deskuis sklavecon de si.
Pri martireco, batal-heroec' ĝi atestas —
ĉion ĝi konas pri l'sorto de nia soci'.

Restos en ĉio la libro kunulo fidela.
Estas de l' kor' ĝi spegulo, por pensoj — flugil',
portos nin pensoj per sia kuraĝ' senŝancela
velosimile antaŭen al suna ekbril'.

El la estona: **Hilda Dresen.**

---

„Pluraj diris, ke, jes — aliaj, ke ne."

„Sed kion vi opiniis?"

„Ho, ne estis mia afero — ĝi ne estis *mia* enterigo!"

„Ĉu vi — tamen ni neniam povos akordiĝi pri tiu ĉi afero... Ĉu vi havis, aŭ ĉu vi havas, iajn gefratojn?"

„Nu — mi — mi opinias, ke jes... Jes — sed mi ne rememoras."

„Nu, rigardu! Kies fotografajo pendas tie sur la muro? Ĉu ĝi ne estas bildo de via frato?"

„Ho jes, jes, jes. Nun, kiam vi rememorigas min, tiu ja estis frato de mi. Tiu estis William. »Bill« ni nomis lin. La kompatinda Bill!"

„Ĉu li estas mortinta?"

# Letero el cementbarelo

Yosiki Hayama

Yozo Matudo elŝutadis cementon. Liaj kapharoj kaj la parto malsupre de lia nazo grize kovriĝis per cemento, kvankam tio ne montriĝis multe sur la aliaj partoj de lia korpo. Li deziris enŝovi la fingron en sian naztruon kaj forigi la cementon, kiu rigidigis liajn naztruojn kvazaŭ ferbetonon. Sed li ne havis tempon sufiĉan levi la fingron ĝisnaze, ĉar li devis prizorgi la beton-miksilon, kiu eljetis ĉiuminute 10 kubfutojn da betono.

Li ne povis purigi sian nazon, ĝis lia dekunuhora laboro finiĝis, kvankam li ĉiam pensis pri la naztruo. Estas vere, ke dumtempe li ĝuis paŭzon dufoje, ĉe la tagmanĝo kaj je la tria posttagmeze, sed tamen li ne povis zorgi sian nazon: ĉe la tagmeza paŭzo li estis tro malsata, kaj ĉe la alia li devis purigi la miksilon. Lia nazo rigidiĝis kvazaŭ gipsajo.

Ĉirkaŭ la laborfino li malplenigis per lacigitaj manoj unu cementbarelon, kiam neatendite ruliĝis el ĝi ligna skatoleto.

„Kio estas tio?" Li momente ekmiris, sed li ne povis longe atenti tian ajon. Li ŝovelis cementon en mezurilon, poste ĝin ŝutis en la barĝon, kaj tuj komencis malplenigi la sekvantan barelon.

„Sed atendu. Skatolo el cementbarelo estas ja maloftaĵo."

Li levis la skatolon kaj jetis ĝin en la poŝon de sia ventrobendo. La skatolo estis malpeza.

„Jen, ĝi estas malpeza, do verŝajne ne enhavas monon."

Li apenaŭ ekpensis, kaj en la sekvanta momento li jam devis malplenigi novan barelon kaj mezuri cementon.

La miksilo komencis turniĝi malplena. La betonmiksado finiĝis kaj jen venis la laborfino.

---

„Ho, nu — mi supozas, ke jes. Estis tute mistera afero."

„Kiel domaĝe, vere domaĝe! Do li malaperis?"

„Nu — en ĝenerala maniero, jes. Ni enterigis lin."

„*Enterigis* lin?! Ĉu vi enterigis lin, ne sciante, ĉu li estas mortinta aŭ ne?"

„Ho ne — ne tiel. Li estis sufiĉe senviva."

„Ho mi ne komprenas. Li reviviĝis?"

„Ne, li ne reviviĝis."

„Nu — mi *neniam* audis pri tia afero. *Iu* estis mortinta. *Iu* estis enterigita."

„Jes, tiu estas la punkto, ĝuste tiu. Vi devas kompreni, ke ni estis ĝemeloj, la mortinto kaj mi. Oni intermiksis nin en la bankuvo, kiam ni havis nur du semajnojn. Unu infano dronis, sed oni ne scias, kiu el ni. Unuj opinias, ke estis Bill, aliaj opinias, ke estis mi."

„Nu, tio estas *rimarkinda!* Kion vi opinias?"

„Nur la Cielo scias. Mi donus tutajn mondojn por scii! Sed mi diros al vi sekreton, kiun ankoraŭ neniam mi malkaŝis al iu ajn vivanto. Unu el ni havis strangan nigran haŭttuberon sur la dorso de la maldekstra mano. Tiu estis mi. Estis tiu infano, kiu dronis."

„Nu, en tiu okazo, mi ne povas kompreni, kiel estas ia ajn mistero pri la afero."

„Vi ne? Sed mi opinias, ke estas tre mistere. Mi certe ne komprenas, kiel oni povis esti tiel stulta, ke oni enterigis la neĝustan infanon."

„Nu — mi kredas ke mi havas sufiĉan materialon nun. Mi estas tre danka al vi pro viaj penoj. Sed antaŭ ol mi foriros, ĉu vi bonvolus rakonti al mi la cirkonstancojn, kiuj pensigis vin, ke Burr estis tiel rimarkinda?"

„Ho, estis nura bagatelo. Eĉ ne unu homo el kvindek estus tion rimarkinta. Kiam la prediko estis finita, kaj la procesio estis preta ekiri al la tombejo, kaj kiam la kadavro estis bone aranĝita en la ĉerkveturilo, li diris, ke li deziras rigardi la pejzaĝon por la lasta fojo. Do li leviĝis kaj veturis kun la veturigisto."

Tiam la junulo respektplena retiris sin. Li estis tre agrabla junulo, kaj mi bedaŭris lian foriron.

El la angla: **Nancy Featherstone.**

Provizore li lavis la vizaĝon kaj la manojn per akvo el la kaŭĉuka tubo etendita ĝis la miksilo, pendigis la lunĉoskatolon ĉe sia kolo kaj reiris al sia kabano, pensante nur pri trinko kaj manĝo. La elektra stacio jam estis 80-procente konstruita. La monto Ena elstaris tute kovrita blanke per neĝo. Lia ŝvita korpo subite eksentis malvarmon, preskaŭ froston. Malsupre de liaj piedoj blanke ŝaŭmis kaj muĝis la rivero Kiso.

„Mil diabloj! Jen infera vivo. La edzino denove graveduĝis, kaj ..." Li pensis pri siaj multaj infanoj, pri sia nova infano, naskiĝonta baldaŭ, ĝuste en tiu ĉi malvarmo, kaj pri sia edzino, kiu estas diable naskema, kaj li senesperiĝis.

„El mia tagsalajro de 1.90 jenoj,* ili formanĝas du ŝoojn da rizo, kies kosto estas po 50 senoj por ŝoo. Kiel do ni povus per 90 senoj kaj vesti nin kaj loĝi? Absurdajo! Kiel mi povus ankaŭ drinki post tio?!

Sed jen li ekmemoris la skatoleton en sia poŝo. Li forfrotis la algluiĝintan cementon ĉe la postaĵo de sia pantalono. Sur la skatolo nenio estis skribita; ĝi estis fortike najlita.

„Jen mistifikaĵo. Oni eĉ najlis ĝin."

Li jetegis la skatolon sur ŝtonon, sed, ĉar ĝi ne rompiĝis, li furioze tretis ĝin, kvazaŭ la tutan malbenitan socion.

El la skatolo aperis paperpeco volvita en ĉifono.

Sur ĝi estis skribita la jeno:

„Mi estas laboristino, kiu kudras cementsakojn por cementfabriko. Mia amato okupiĝis per la ŝovelado de ŝtonoj en la pistilon. Matene, la 7an de oktobro, li volis enŝoveli ŝtonegon, sed, ho ve! — li falis en la pistilon kune kun la ŝtonego. Liaj kamaradoj penis lin savi, sed mia amato sinkis malsupren de la ŝtonego, kvazaŭ dronante en akvo. Kaj la ŝtonego, kaj la korpo de mia amato pistiĝis, dispeciĝis en ruĝajn ŝtonetojn kaj falis sur la konvejeron, kiu eniris en la muelilon. Tie ĝi miksiĝis kun ŝtalgloboj kaj mueliĝis, levante en sia furiozo malbenajn kriojn, bakiĝis kaj fariĝis bela cemento. Liaj ostoj, korpo kaj animo — ĉio pulvoriĝis. La tuto de mia amato transformiĝis en cementon. Restis nur ĉi tiu ĉifono el lia laborvesto. Mi kudras sakon por enmeti mian amaton. Tiamaniere mia amato fariĝis cemento. La sekvantan tagon mi skribis ĉi tiun leteron kaj kaŝe enfermis en tiun ĉi skatolon.

Ĉu vi estas laboristo? Se jes, kompatu min kaj donu al mi respondon.

Mi dezirus scii: por kio oni uzis la cementon de tiu barelo. Kiom da bareloj plenigis la cemento farita el mia amato? Kaj kie oni uzis ĝin? Ĉu vi estas masonisto aŭ konstruisto?

Mi ne povas toleri, vidi mian amaton transformiĝinta en koridoron de teatro aŭ en barilon de luksa domego. Sed kiel mi povas tion malhelpi? Se vi estas laboristo, ne uzu ĉi tiun cementon en tiaj lokoj, mi petas.

Ne, vi povas ĝin uzi ie ajn, mi ne kontraŭdiros. Mia amato nepre brave agos laŭ sia bontrovo, kie ajn oni lin enmurigos. Mi estas certa pri tio. Ne zorgu do. Li havis sian kapon sur la ĝusta loko kaj li nepre laboros inde.

Li estis ĝentila, bona homo. Kaj li estis ankoraŭ juna, apenaŭ 24jara. Kiel li karesis min! Kaj tamen mi vestas lin per cementsako, anstataŭ per mortkitelo. Li trafis ne en ĉerkon, sed en turniĝantan fornon, malfeliĉulo! Kiel mi lin adiaŭu? Lin, kiu estas enterigita ĉie: kaj okcidente kaj oriente, kaj malproksime kaj proksime?

Se vi estas laboristo, bonvole donu al mi respondon.

Rekompence mi donos al vi pecon de la laborvesto, kiun portadis mia karmemora amato. Ĝi estas nome tiu, kiu envolvas ĉi tiun leteron. Tiu ĉi peco da ŝtofo estas ja trapenetrita de ŝtonpulvoro kaj de lia ŝvito. Kiel forte li ĉirkaŭbrakis min vestita per la laborvesto el ĉi tiu ŝtofo!

Mi petas vin, nekonata kamarado, afable informi min nepre pri la dato, en kiu estis uzata tiu ĉi cemento, kie ĝi estas uzita, kaj se tio ne ĝenos vin — bonvole aldonu ankaŭ vian nomon kaj detalan adreson. Estu singarda! Ĉion bonan!"

Yozo Matudo vekiĝis en la elŝprucanta bruo de siaj petolantaj infanoj.

Li eltrinkis per unu tiro brandon, kiun li jam antaŭe enverŝis en sian tason, kaj li rigardis la nomon kaj adreson ĉe la fino de la letero.

* 1 jeno = 100 senoj. — Ŝoo = mezurunuo (ĉ. 1. 4 kg).

# DISKUTO

**Por la kompleta vortaro.**

La ĉefartikolo de UEA-prezidanto en la lasta n-ro de Esperanto stimulas al serioza pripenso. Du punktoj en ĝi ŝajnas al mi tre gravaj: posedigi al nia movado sufiĉon da plen kapablaj Esperanto-instruistoj, laueble profesiaj pedogogoj kaj strebi al serioza uzado de Esperanto en ĉiuj gravaj branĉoj de homa entreprenado. Jes, vasta kaj perfekta uzado de la lingvo ĉu por celoj praktikaj, ĉu por celoj idealaj, estas la plej potenca kaj efika propagando kaj reklamo.

Ĉar oni nun ĝenerale planas kaj fiksas al si laborprogramojn por la plej urĝe farendaj taskoj, estas prudente, se ankaŭ ni esperantistoj forte strebos nian ĉefan klopodon al certaj plej gravaj celoj. Pri unu eble plej grava mi volas ĉi tie atentigi.

Intencante uzi Esperanton por serioza laboro, ekzemple por diversaj fakaj verkoj, artikoloj, resumoj, prelegoj aŭ por eldono de prospektoj kaj prezaroj, koncize por ekzakta apliko de Esperanto sur ĉiuj plej malsamaj kampoj, oni sentas egan bezonon de ampleksa kompleta oficiala vortaro.

La skeleton de tia vortaro devus prezenti nia nuna Plena Vortaro de SAT, kiu bone solvas la manieron de ekspliko pri ĉiu vorto, donante tuj urekzemplojn kaj kiu ĝis nun estas sola grava helpilo por serioza lingvouzanto. Tamen laŭ hodiaŭa stato de nia lingvo, laŭ taskoj de ĝi estonte plenumotaj, estas la nuna Pl. Vortaro eĉe malkompleta. Estas vere, ke aperis ankaŭ jam aro da fakvortaroj pli-malpli perfektaj, oficialaj kaj fidindaj, sed malmultaj ilin posedas, ili estis dise eldonitaj kaj estas hodiaŭ ne eble al bezonanto havigi ilin al si. Pluraj estas delonge elĉerpitaj, aliaj malnoviĝintaj aŭ modestegaj, apenaŭ tolerantaj la nomon „fakterminaro."

Kion ni do bezonus? Grandskale kompletigi nian Plenan Vortaron unue per neeta nombro da vortoj jam sufiĉe en la lingvo disvastigitaj, kiujn oni grandparte pro ŝrumpinta amplekso de projektita Pl. V. jam post ĝia kompilo siatempe ellasis, due per envicigo de ĉiuj ĝisnunaj fakterminaroj, submetante tiujn samtempe al zorgema kontrolo kaj revizio, kompletigo kaj modernigo, trie per kompilo de ankoraŭ ne ekzistantaj gravaj fakterminaroj. Kvare, ĉi tie devus certe ne manki plej granda parto de novesprimoj, kiujn liveris al ni dum du jardekoj la Literatura Mondo, kiuj troviĝas en la Parnasa Gvidlibro.

Ĉe tiu okazo mi volus atentigi, ke la ideo krei sinonimojn paralele uzeblajn por kelkaj tre ofte uzataj „mal"-kunmetajoj, estis prudenta kaj lingvoevoluon antaŭvidanta. Ni ja vidas ĉe vorto „fora", kiu jam tiel enradikiĝis (kvankam ne tre preciza solvo, ĉar ja formeti neniel estas malproksimenmeti), la ĝeneralan preferon al kroma konciza dusilaba sinonimoj, kiun pleje bezonas nia poezio. Tamen ĉe tiaj esprimoj kiel „frida, lanta, olda, primavero" ktp., estus necese aldoni, ke ili restu en nia lingvo kiel esprimoj pli edifitaj, kiel sinonimoj pli „dimanĉaj", kiel tiajn cetere posedas la poezia lingvo de naciaj lingvoj, do ke oni ilin preferu ne uzi tro ĝenerale. Menciinde estas ke ĉe kreo de fakaj neologismoj oni ne per ĉiu prezo volu preferi latinidajn radikojn. (Ekz. ĉu por sinjorina mansaketo ne estus pli taŭga fakvorto „taŝo" ol ie uzita retikulo?) Kvine, la vortaro enhavu oficialigitajn nomojn de landoj kaj ties loĝantoj, ke ne plu ekzistu paralele samsence uzataj Egipto- Egiptujo, Brazilo-Brazilio, Irako Irakujo ktp. Ekestu foje ordo. Oficialaj estu ambaŭ landsufiksoj -ujo kaj -io; ili ja pace toleros sin kaj montriĝos fine pliriĉigo de la lingvo. Ĉe unusilabaj radikoj komprenebl eblas krome uzi vortkunmetajon kun lando: Finnlando, Danlando k .s.

Fine oni zorgeme, kritike trakribru la kazojn de vorta mismultiĝo, nome kie por unu nocio naskiĝis jam pluraj terminoj (Ekz. kavio-kobajo ktp.).

---

„Mi dezirus kote ebriiĝi kaj ĉion frakasi!" — li kriegis.

„Mi ja ne deziras, ke vi kote ebriiĝu kaj furiozu! Kio estos al la infanoj?" — rimarkigis lia edzino.

Li ekvidis en ŝia ventro la sepan infanon.

El la japana: **T. Kurisu.**

La aŭtoro estas unu el la reprezentaj verkistoj de japana proleta literaturo. Li naskiĝis en 1894. Duonvoje li forlasis la universitaton, kie li studis literaturon, kaj okupiĝis per plej diversaj laboroj. Intertempe li partoprenis la laboristan movadon kaj estis ofte arestita kaj malliberigita. La novelo „Prostituitino", verkita en malliberejo, debutigis lin kiel verkiston. Li fariĝis unu el la pioniroj de la leviĝanta proleta literaturo en Japanio. Lia plej fama verko estas „Vivantoj sur Maro", romano el marista vivo, ankaŭ verkita en malliberejo.

Li mortis en Manĝurio en 1945, en la konfuzego de la militfiniĝo. Li postlasis multajn valorajn novelojn kaj noveletojn, inter ili ankaŭ ĉi tiun noveleton. Ĝi estis verkita antaŭlonge (1925), sed ĝi restis ĝis nun reprezenta verko, estas ofte represita en antologioj, plejlaste en la trivoluma „Antologio de Demokrata Literaturo", redaktita de la Asocio por Nova Japana Literaturo. En 1948 aperis lia kvinvoluma Plena Verkaro.

dank' al principo „vorton, kiun vi bezonas kaj ne trovas en vortaro (via), kreu mem". Oni ankaŭ bremsu aldonadon de ĉiam pluaj signifoj al jam ekzistantaj vortsignifoj, imitante malvirtojn de iuj naciaj lingvoj. Ĉe evitotaj formoj oni resendu al formo oficialigita, preferota. Nome ĉe fakterminoj tia abundo da sinonimoj, ofte arbitre kreitaj, konfuzas kaj malutilas, same kiel ĉe lingvaĵo poezia, beletra, lingvo artisme pentranta, la esprimriĉeco, nuanceblo aŭ elvokivo de tia „kurta, dura" k. s., estos bonvena pliriĉigo.

Ideala estus, se oni povus kompletigi la klarigojn per ilustraĵoj. Ĉe esprimoj medicinaj, botanikaj k. s. helpos ree la apudmeto de la latina nomo, teknikaj fakesprimoj malfacile klarigeblaj povus havi apud konciza klarigo eventuale nomon en la 5 plej ĉefaj mondlingvoj (angla, franca, rusa, germana, hispana).

Tia ĉi Kompleta Vortaro devus esti plej aŭtoritata, do eldonaĵo de Esperanto Akademio. Oni devus agi en kunlaboro kun SAT, kiu intencis eldoni iom pliampleksigitan ilustritan *Pl. V.*, por ke la laboro unuiĝu au ne splitiĝu. Ĝi devus esti verko neniel mallarĝanima, ĝi devus respeguli nian hodiaŭan riĉan modernan Esperanton, atentante jam la bezonojn de l'morgaŭo, ĉar tia verko estus certe por jardekoj kaj povus eble ricevi nur ĉiun trian jaron necesan malgrandan komplementon. Ĝi estus granita fundamenta bloko de la moderna Esperanto, plej granda garantio por ĝia estonteco, plej grandioza konvinkilo kaj propagandilo. Rimedo kiu kapablas gajni seriozulojn. Ĝi estus fidinda trezorujo, el kiu ĉerpus ĉiuj nacilingvaj—Esperantaj vortaroj, solida fundamento, sur kiu oni povos bazi nian lingvon dum venontaj 50 jaroj.

Amplekso de tiu vortaro estus proksimume sepobla de la hodiaua Plena Vortaro, bindita ekz. en 3 volumojn 1200 paĝajn. Papero bona, bindo fortika, En tiu amplekso ĝi ne estus ia leksikono, nek ĝi povus enhavi ĉiujn kompletgajn fakterminarojn. Sed ĝi estus verko impona, por niaj cirkonstancoj preskaŭ nekredebla. Ĝia prezo estus eble dekobla de la nuna Pl. V. kaj ĝin ne povus al si havigi tuj ĉiu esperantisto, por multaj ĝi estus por komenco neakirebla sopiraĵo. Sed poiome ĝin ekposedus ĉiu serioza esperantisto. Oni povus ĝin subskripcii, oni devus ĝin oferti al ĉiuj urbaj kaj altlernejaj bibliotekoj por atingi plej vastan distribuiĝon de la verko tra la mondo.

Certe ŝajnas tiu tasko dum niaj nunaj interŝtataj baroj kaj devizaj malfacilaĵoj fantazia aŭ utopia. Sed ni konsideru jenon: tia, por niaj cirkonstancoj verkego, ne povus aperi morgau. Ĝi estus kompila laboro de multaj fakuloj, komparantoj kaj kontrolantoj, de niaj plej ĉefaj lingvofakuloj por ne mallonga tempo. Eĉ se ni imagos foje vere intensegan laboron de niaj kompetentuloj super tiu gravega vortaro, dauros 4 ĝis 6 jarojn, ĝis la verko estos preta. Dume devus komenciĝi granda reciproke konkura monkolektado por la „Vortara Fonduso". Ĉar por eldono de tia verko estos vere granda sumo necesa. La kontribuantoj ne estus donacantoj en plena vortsenco; oni povus kvitancojn por sumoj en difinita alteco numeri kaj poste lotumi el la donacintoj gajnontojn de la kompleta verko. Venus aliaj ideoj kiel aranĝi la aferon, kiel ebligi partoprenon el nepagipovaj landoj. Ekz. kompensoj per libroj alilande eldonitaj k. a.

Ĉesas la kolektado de peticioj por UNO. Nun povus aperi sur la paĝoj de „Esperanto" kaj niaj ceteraj gazetoj nova konkurtabelo, tiu de la „Vortara Fonduso". Ĝi fariĝu termometro de nia esperantista entuziasmo kaj oferemo — sed ankaŭ prudento kaj antauvidemo!

Se la afero efektiviĝos, mi komencante volas deponi el mia bonhavo, aŭ nove enpaĝi ĉe la

# L I N G V O

### Plu pri po.

Kara Dro Kalocsay!

Aldone al mia aperinta traktato pri la prepozicio PO, akceptu ankoraŭ ĉi tiun postskribon por la defendo de la nominativo:

*a)* „Post morto de la patro heredis liaj du filoj po duono de la bieno." Vi eble volos diri: „Post morto de la patro heredis liaj du filoj po duono la bienon". Bone, via teorio ĉi tie funkcias, kaj vi eĉ ne bezonas subŝovi la numeralon „nun" „po unu duonojn de la bieno".

*b)* Kaj nun supozu, ke la patro postlasis ankorau vidvinon, al kiu li testamentis unu duonon de la bieno, kaj al la filoj po unu kvarono. Kiel nun tekstos la frazo? Lau mia recepto jene: „Post morto de la patro heredis liaj du filoj po kvarono de la bieno". Kaj laŭ via recepto? Eble: „Ili heredis po kvarono bienon". Sed tio estas malĝusta! Ne estas vere, ke ili heredis bienon, sed nur bienduonon! Do: „Ili heredis po kvarono bienduonon".

*c)* Fine ni elpensu situacion, kie oni ne scias, kiom da filoj estis, ĉu ili sume heredis la tutan bienon au ne, kaj — se ili heredis nur parton — kio okazis pri la restaĵo: „La filoj heredis po kvinono de la bieno". Kiel vi nun volas formuli la akuzativan objekton? Ne restas eble alia elirejo, ol subŝovi la logike superfluan numeralon „unu": „Ili heredis po unu kvinonojn!" de la bieno.

Via sincera

**Dro Pumpr**

Kara Dro Pumpr!

En mia artikolo (L. M. 1948. pĝ. 26.) mi nekontesteble pruvis, baze de la gramatika logiko, ke la substantivon de la PO-espri-

---

Esperanto—Asocio de ĈSR unuan subskripcion de Kĉs 2000.— kaj unuan donacon por la „Vortara Fonduso" Kcs 100 — Kiuj sekvos? **Jiri Korinek, Brno**

mo, se tiu substantivo funkcias kiel rekta objekto, oni devas meti en akuzativon. Tiu argumentado estas ĝis nun nerefutita, kaj ŝajne ankaŭ vi opinias ĝin tia, ĉar vi eĉ ne provis ĝin refuti.

Anstataŭ gramatiklogika refuto vi rifuzas mian pruvon per tio, ke ties portkaĵablo ne kontentigas. Ni vidu do viajn ekzemplojn.

1. „La filoj heredis po kelkaj ĉevalojn" — ĉi tie mi tute ne krias „brave, bravissime". „Kelka" kun sia adjektiva finaĵo ja ne estas duvizaĝa, kiel la senfinaĵaj numeraloj. Tial ĝi ne povas funkcii dumaniere en la sama tempo. Se mi substantivigas ĝin, ĝi ne povas akordiĝi, se mi lasas ĝin adjektiva kaj akordigas, ĝi ne povas alpreni la prepozicion. Kiel do formi tiun frazon? Nu, unue oni devas substantivigi „kelka", por ke ĝi povu alpreni la prepozicion. Oni ricevas „po kelko". Nun, ĉi tiun oni povas pluformi laŭ la modelo: „sur monto" — „surmonta" — „surmonte". La frazo do tekstos: „La filoj heredis ĉevalojn pokelke" aŭ „pokelke da ĉevaloj", au eĉ „pokelkajn ĉevalojn".

2. Se vi ne malaprobas la frazon: „ili aĉetis du korbojn da pomoj", ĉu necesas grandanimeco allasi: „ili aĉetis po du korbojn da pomojn"?

3. „Po kelkfoja kisojn" estas malbona, ĉar PO denove staras antaŭ adjektivo. Sed: ŝi donis al ni po kelkfoje kisojn" — ĉu ne estas neriproĉebla? — Mi ne komprenas, kial vi metas antaŭen la longajn PO-esprimojn (po unusola paro), kaj kial vi poste malaprobas tion. Postmetu ĝin, kaj vi ne havos kion malaprobi.

4. Vi diras, ke viaj ekzemploj sub tiu ĉi punkto estas klaraj, logikaj kaj korektaj. Nu, klaraj ili ja estas (same klaraj estus: „la knabo lernas matematiko", „la kapro manĝas herbo"), sed logikaj ili ne estas gramatike, kaj ili ne estos tiaj, dum vi ne pruvos, ke mia argumentado estas nelogika. Ĉar se — kiel mi pruvis — PO rilatas al la *numeralo*, la numeralo, kompreneble ,ne povas esti ellasita. Cetere, mi formus viajn ekzemplojn jene: Ĉiu filo heredis (unu) ĉevalon — la filoj heredis ĉevalojn po paro, po duopo, triopo, dujungaĵo. La bona onklino adiaŭis, doninte al ĉiu el ni (unu) kison — doninte al ni po kelkfoje ripetitajn ŝmacajn kisojn. La saĝa reĝo starigis en ĉiun pordon de sia kastelo kuraĝan soldaton kun halebardo.

5. En via postskribo lertege vi trovis ekzemplojn kaprompajn. Tamen, la ekzemplon sub *a)* vi mem solvis. La ekzemplo sub *b)* estas solvebla same: „La du filoj heredis po kvarono bienon". „La du filoj heredis pokvaronajn partojn de la bieno." „La du filoj heredis bienpartojn pokvarone." „La du filoj heredis bienduonon po duono." La ekzemplo sub *c)* estas solvebla sammaniere. Krome, estas strange, ke oni tiom respektas la prepozicion PO, kaj oni ne kuraĝas ĝin adverbigi kiel la aliajn prepoziciojn; ties kaŭzo estas eble ĝia nefamiliareco. Tamen, kial ne adverbigi ĝin, kaj diri: „La filoj heredis poe kvinonon de la bieno"?

Via teorio plene fiaskas ĉe la aliaj antaŭnumeralaj prepozicioj, ĉar post ili Zamenhof prefere uzas akuzativon, kaj oni ĝenerale sekvas lian lingvouzon. Via klarigo, ke nome la prepozicioj estas uzataj adverbe, ne kontentigas, ĉar kial ili estas uzataj adverbe nur antaŭ numeralo? Krome, mi ripetas, kion mi jam skribis: en „mi vidis tie ĉirkaŭ cent homojn" *ĉirkaŭ* diras, ke la nombro estis ĉirkaŭ cent, do estas evidente, ke *ĉirkaŭ* rilatas sole al la numeralo.

Via argumento, ke en la slavaj lingvoj PO ne estas sekvata de la akuzativo, ne estas konvinka, ĉar gramatikan logikon oni povas pretendi de neniu natura lingvo. Kaj estas interese, ke la slavlingvulo Zamenhof tamen hezitis pri la kazo post PO, kaj li diris same bona la akuzativon. Ĝuste tiu hezito de Zamenhof instigis min, ke mi provu solvi la aferon per la gramatika logiko. Cetere, mi ne komprenas, kial oni ne povas akcepti tiun fakton, ke PO rilatas nur al la numeralo: *po du* = *po-du*. Eble plej bone estus tiel ligi la numeralon kun PO. Tiam ankaŭ „po-unu pomoj" ne ŝajnus tiel stranga, ĉar evidente „po-unu' 'estas pli ol unu. Jes, mi proponas, ke en tiaj okazoj, kiam PO enkondukas frazobjekton kun numeralo, oni faru el ĝi distribuan numeralprefikson. • Do: „prenu po-dudek gutojn", sed „prenu la medikamenton po dudek gutoj".

Ankoraŭ io pri via voko lau Galileo Galilei. Evidente, Galilei, baze de sciencaj pruvoj, asertis, ke la Tero moviĝas, dum la aŭtoritato, la Inkvizicio, baze de la tradicio, dekretis alimaniere. Kaj evidente, mi, baze de gramatiklogikaj pruvoj, pledis por la akuzativo, dum vi, baze de la tradicio, min kondamnas, se ne je surŝtipara morto, almenaŭ je bona nokto. Kara Dro Pumpr, ĉu ne *mi* havas do la rajton ekvoki: „Eppur si muove!"

**K. Kalocsay.**

PS. Komprenoble, kiuj preferas la tradicion al la logiko, tiuj uzu nominativon; tion neniu al ili volas malpermesi. *K. K.*

# *O B S E R V O*

## Tri premiitaj francaj verkistoj.

La tri grandaj literaturaj premioj — Goncourt, Femina kaj Renaudot —, kies aljuĝon oni rigardas societa evento en Parizo, estis donitaj ĉi-jare al *Maurice Drumön, Emmanuel Robles* kaj *Pierre Fisson*. La unuaj du verkistoj estis jam konataj antaŭe, la lasta estas tute nova nomo.

La romanoj de la tri verkistoj estas parencaj en tio, ke ĉiuj tri serĉas respondon je la ardantaj, ofte ankoraŭ ne responditaj demandoj de la hodiaŭo. Sed

ĉiu el ili faras tion alimaniere. *Fisson*, kiu laŭ sia propra konfeso ne estas tro multe-lega homo, estas neorientita kaj konfuzrigarda. Li verkas riporton pri okcidenta Germanio, kiu ne trovas sian lokon, kaj ege similas al li mem en sia malespero, en sia serĉo de elira vojo. Tiu Germanio — Fisson vidas sole tion — falis en nigran merkaton spiritan kaj korpan, en trostreĉon de seksa vivo, en animan staton de ĥaoso. Ĉiaj homoj ĉaspelas la liberon, sed ne trovas ĝin, ĉar ili opinias, ke sian individuan liberon ili povas ellukti memstare, sendepende de la libero de la aliaj. Tamen, eĉ se la juna verkisto montriĝas elreviĝinta, ofte malsaneca, tuj kiam li ekparolas pri la Rezisto, li trovas frazojn, kiuj malkaŝas lian internan lukton kaj montras vojon al lia plua agado: „Ni ĉiuj — li skribas —, al kiu ajn partio ni apartenis, el kiu ajn angulo ni venis, kuniĝis intime, eĉ se nur por unu horo... baro ne ekzistis inter ni... Sur bretonaj bordoj, en la arbaroj de la Vogezoj kaj Karpatoj, apud la Rejno kaj la Volgo, eksonis tiu sama kanto, kaj tiun kanton oni kantis en ĉiuj lingvoj de la mondo... Ni estis kamaradoj kaj fratoj. En la tago antaŭ la morto ĉion ni dividis inter ni; en la tago antaŭ la vivo denove ĉion ni dividos."

Fisson ankoraŭ ŝajnas heziti, ĉu li elektu la vivon aŭ la putron. *Maurice Druon* ne hezitas. Li jam voĉdonis dum la tempo de la Rezisto. En sia nuna premiita romano li bankroton de la burĝaro, la plenan mankon de la burĝara konstruoforto li prezentas per historio de burĝa familio. Lia intenco estas sendube honesta, sed li pafas trans la celon: anstataŭ realista romano li donas naturalistan.

Liaj rolantoj estas friponoj, maljunaj astmaj burĝoj, prostituitinoj kaj ĝigoloj, kiujn li ĉirkaŭpromenigas en Parizo, haltigas en la borso kaj en la salonoj, en la Akademio kaj en la drinkejoj. Sed al tiuj junaĝe koruptaj kaj maljunaĝe senilaj figuroj — kiujn li mem malestimas kaj kondamnas — li ne povas kontraŭstarigi pozitivajn heroojn. Kaj tiamaniere lia libro neeviteble fariĝas malespera, ofte ĝisnaŭze kruda fotografaĵo de la vivo de marĉo.

*Robles* estas la plej matura el la tri premiitoj. La protagonisto de lia romano estas laboristo de Alĝera garaĝo; li mortigas iun gvidanton de la okupantaj faŝistoj kaj heroe kontraŭrigardas la konsekvencojn de sia ago. Ĉi tio estas la enhavo de la romano en unu frazo. Kaj kvankam la fino elsonoras tragedie, tamen la morto de la heroo radias optimismon, fidon je la futuro. Sed nek tiu temo, nek tiu solvo plaĉis al ĉiu ano de la juĝantaro: nur la naŭa voĉdono decidis pri la aljuĝo de la premio. La kritikisto de „Les Nouvelles Littéraires" indigne demandis poste: ĉu oni ne trovis pli indan libron? Kial ĝuste Robles ricevis la Femina-premion? Robles mem, unu semajnon post la ricevo de la premio, verkis artikolon en alia literatura revuo, kaj finis ĝin jene: „Mi volas diri ĉi-loke kun tiu plena sincero, je kiu mi estas kapabla... ke en 1948 tiu verkisto, kiu ne metas akuzon kontraŭ ĉi tiu falsa kaj kruda mondo, kaj kiu ne aliĝas ia-ajn-maniere al la batalo, forĝanta en niaj tagoj la homan spiriton — tiu verkisto perfidas sian destinitecon."

Tio montras, ke Robles klare scias, kie stari. Druon kaj Fisson ankoraŭ hezitas, sed ŝajne ankaŭ ili sentas, ke pli aŭ malpli frue ankaŭ ili devas respondi la demandojn de sinjoro profesoro Historio.

**G. G.**

### Toynbee
(2)

La civilizojn, laŭ Toynbee, ignorante la konkretan tempon, oni povas rigardi samtempaj. Ili akiras kaj pasas en sia rondiro tiamaniere, en kia formo ili reagas al la malfaciloj estigitaj de la eksteraj kaj internaj „spiritualaj" faktoroj: al la provoko (challenge) de tiuj malfaciloj.

La challenge-teorio, cetere, ne estas nova en la antropologio. Eĉ tiaj konservativaj antropologoj, kia la bona maljuna profesoro Ragian, povis repliki al la teorio, laŭ kiu la egiptan civilizon kreis la provoko de la Nil-valo. Ili simple demandis, kial ne kreis same civilizon la provoko de la Mississippi-valo. Sed Toynbee klarigas tion ree helpe de la „nekonceptebla animo". Li faras la malkovron, ke „la proprasenca progreso estas trovebla en la eteriga procezo", t. e. „la lukto kun la materiaj malfaciloj liberigas la internan „spiritualan" forton de la socio". Tio okazas per kreivaj individuoj, ĉar la fonto de ĉia ago estas ne la socio, sed la individuo. Tiuj „esceptaj animoj", per inspiro aŭ malkovro, ekvidas novajn vojojn kaj eblojn, kaj ili antaŭpuŝas la eterne primitivan, malaltrangan amason, „mimigante" (imitigante) la vojon, kiun ili iras. La historio do estiĝas aŭ el senpera revelacio, aŭ el la „mimiga" efiko de la esceptaj animoj, genioj kaj herooj al la senforma amaso. Toynbee do estas adepto de tiu tiomtoje senkreditigita skolo, laŭ kiu la individuoj „faras" la historion. Ekde la 18. centjaro la historioscienco pli kaj pli forlasis tiun direkton, kaj de post la fama libro de Plehanov (Pri la historia signifo de la individuo), oni apenaŭ plu okupiĝas serioze pri tiaj argumentoj, kia „kio estus okazinta, se Napoleono estus frue mortinta". Kion diras Plehanov?

Se Napoleono estus falinta, ni diru, en la batalo ĉe Arcole, tion, kion li faris en la italia militiro, estus farintaj — eble malpli talente — aliaj generaloj. Francio tamen estus venkinta, ĉar ĝia armea organizo kaj ĝiaj soldatoj estis pli bonaj, ol tiuj de ĉiuj aliaj europaj landoj. Kaj, koncerne la ceteron, kiam la respubliko morte vundiĝis je la 9-a de termidoro, la burĝaro bezonis „bonan glavon" por la restarigo de la ordo. Komence oni kredis, ke tiu glavo apartenos al generalo Joubert, poste, post

ties falo, oni parolis pri Moreau, Bernadette kaj aliaj. La vico de Napoleono venis nur poste. Kiam Napoleono ekfunkciis en la rolo de la ordo-sava „bona glavo", per tio li forfermis de tiu rolo ĉiujn ceterajn generalojn. Tiel estiĝas la optika eraro, kiu ege trograndigas la personan forton de Napoleono, atribuante al li tiun tutan socian forton, kiu lian personan forton ellevis kaj subtenis. Napoleono, la granda homo, ŝajnas al ni eksterordinara, ĉar aliaj, al li similaj fortoj ne transiris el la eblo en la realon.

Koncerne ĉiun grandan homon, Toynbee estas viktimo de tiu optika eraro. Laŭ sia aristokrate-konservativa observmaniero la plimulton de la homaro li rigardas primitiva amaso, kaj tial lia optika eraro multobliĝas alprenas kosmajn, mitologiajn dimensiojn. Laŭ li, ekzemple, okazas ne tiel, ke post la 9-a de termidoro la Direktorio ne povis restarigi la ordon, kiun la burĝaro, liberiĝinte de la pli supraj klasoj, deziris pli ol ĉion ajn, kaj ke tial la burĝa klaso serĉante ordo-restarigan rimedon, post pluraj provoj elektas Napoleonon, al kiu ĝi donas okazon por la disvolvo de siaj eminentaj kapabloj. Ne, Napoleono „mimigas" kaj posttrenas la „amason", tio estas tutan Francion, kune kun la burĝaro, kiu lin igis „granda".

Ĉiu civilizo — diras Toynbee — nepre devas disfali, ĉar la fonto de ĉia ago estas ne la socio sed la eksterordinara individuo, la pli altranga animo, la escepta genio, la sanktulo kaj la heroo. Kaj ĉar la granda plimulto de la homaro nur meĥanike „mimas" la evoluon, ja kiu ĝi estas nekapabla el propra iniciato: la genioj laciĝas, la malplimulto de la herooj kaj sanktuloj fariĝas reganta, subpremanta malplimulto. Tiam la amasoj decidas „savi sian animon": komenciĝas batalo. „En ĉi tiu antagonismo inter proletaro kaj reganta malplimulto . . . ni povas malkovri unu el tiuj dramaj spiritualaj kunpuŝiĝoj, kiuj renovigas la laboron de la kreo, portante la vivon de la universo el la stagnado de la aŭtuno, tra la doloroj de la vintro, en la fermentadon de la printempo."

Kaj tio ripetiĝas eterne. La movado organizita kontraŭ la kreiva malplimulto havas nenian sencon: la nova civilizo, kreskinta el la ruinoj de la malnova, ja iros la saman vojon.

La civilizoj do laŭleĝe naskiĝas, kreskas, refalas kaj diseriĝas. Sed oni rimarkas konsternite, ke Toynbee rigardas refalo ĝuste tion, kiam la socio ekiras al evoluo, kiam la kadukiĝinta strukturo ŝanĝiĝas, kiam ĉiu normala observanto vidas dinamikan progreson. Ties kaŭzo estas, ke Toynbee havas nenian konjekton pri la esenco de la sociaj interrilatoj kaj socia evoluo. Kiel kreskon, li komprenas la internan evoluon de la personoj, kiuj trenas post si la socion. Tial la funkcion de la amasoj li rigardas refalo kaj diseriĝo. Socian movon li povas koncepti nur en heroa-mistika formo. La interklasajn limojn li rigardas eternaj-spiritualaj limoj.

„La limo inter la pli altrangaj individuoj kaj la ordinaraj homoj ne koincidas kun la divid. linio inter la civilizitaj kaj primitivaj socioj. Ankaŭ en la plej progresaj civilizoj, la granda plimulto estas la ordinaraj homoj; kaj la homeco de tiuj homoj estas primitiva homeco." Tiamaniere Toynbee propre starigas „spiritualan" rasteorion, ege memorigante pri la doma filozofo de la nacifaŝismo, Oswald Spengler, kiu skribis en sia „Untergang des Abendlandes":

„Iu kulturo (civilizo) naskiĝas en tiu momento, kiam el la primitivaj animrilatoj de la eterne infaneca homaro memkonsciiĝas potenca animo. Iu kulturo mortas tiam, kiam tiu animo esprimis la plenon de siaj ebloj kaj reiras en la primitivan psikon, el kiu ĝi origine disvolviĝis."

Tiuj animoj-individuoj — diras Toynbee — estas superhomaj en la plej strikta, do ne abstrakta senco de la vorto.

Post ĉio ĉi apenaŭ oni devas diri, ke Toynbee ne estas adepto de la demokratio. Li ne kredas je la eblo de la demokratia transformiĝo, ĉar „la homa naturo neniam ŝanĝiĝas"; la homo, kies socia besto ne estas kapabla je tiom da kunlaboro kaj memdisciplino, kiom la demokratio de li pretendas; la demokratio estas malutila, ĉar la perlon de la kulturo ĝi ĵetas antaŭ la porkojn (amasojn) per la ĝenerale deviga instruado. Kaj ĉi tie Toynbee jam konsentas kun Hitler, kiu skribis en sia „Mein Kampf": „La nacisocialismo, kiu forĵetas la demokratian amasideon, strebas por tio, ke la Teron ĝi donu en la manon de la plej altrangaj homoj . . . Per tio do ĝi konstruas sur la principo de la personeco, ne sur tiu de la plimulto." Kaj pri la ĝenerale deviga instruado, Hitler diris: „Mi donacos al la amasoj la benon de la analfabetismo."

La civilizoj iĝos viktimoj de sinmortigo, diras Toynbee, ĉar ili mem produktas la revoluciojn. La revolucioj alportas refalon. Refalon estigas ankaŭ la efiko de novaj faktoroj al malnovaj institucioj, ekz. la efiko de la demokratio (nova faktoro) al la instruado (malnova institucio). Ties malutila sekvo estas ekzemple: la skandal-ĉasa bulevarda gazetaro kaj la faŝista diktaturo. (Ni miras, ke Toynbee ĉi tie juĝas malutila la faŝismon, kun kiu li tiom konsentas filozofie, en la kulto de la altrangaj animoj, kaj praktike en la kondamno de la demokratigo de l'instruado.)

Kortuŝe estas, kiam Toynbee eksplikas, ke en la disfalanta civilizo la plej noblaj anoj de la reganta malplimulto estas tiuj filozofoj, kiuj verkas la karakterizan filozofion de la dekadenco. Kaj vere, Toynbee, certe el sia propra sperto, tiel bone konas la timan animbaraktadon de la intelektuloj de l'imperialismo, ke laŭ iu usona kritikisto: „ĉi tiu granda scienculo estas

samtempe konanto de la nihil-kaoso".

Kaj fakte, oni bezonas „nihil-kaoson" por tiu teorio, ke la homaro ne formiĝas, ne evoluas, nur interne de la unuopaj civilizoj oni povas observi la anticipe determinitan Jin-Jang-movon, ekde la naskiĝo ĝis la pereo. La homo ne estas historio-formanta estaĵo, sed sklavo de la mekanismo de memdetruaj civilizoj. Eĉ la genio-sanktulo-heroo ne estas historio-formanta estaĵo, ĉar li estas fonto de ago nur interne de sia propra civilizo, sed en la historio de la *homaro* li estas tia sama marioneto, kia la amashomo.

Majstro Toynbee, la „granda scienculo" kaj beleganima historiisto do tiamaniere esploris la homaron. Kaj la simpla observanto de tiu esploro, sed en kiu mankas la „nihil-kaoso", sentis sin dume, kiel la paciento, kiun la kuracisto en rapida sinsekvo X-radiigas, faras pri li prognozon el kafo-sedimento, pretigas pri li elektrokardiogramon, konsultas pri li plumbo-verŝadon, poste, post la analizo de lia baza metabolismo preĝas super li preĝon el la antikva Babilono, por ke fine, post rapida astrologia kaj sangoprem-esploro, li komuniku al li, ke vivi ne estas peninde al delikata kaj kulturita homo. Tiuj alterne aplikitaj „sciencaj" metodoj — X-radioj kaj kaf-sedimento — ja sendube pruvas, ke temas pri malsana stato. Tamen, malsana estas ne la homaro, sed la kapitalismo, kun ĉiuj siaj ideologioj.

G. P. H.

**Kellermann: MORTODANCO**

Bernhard Kellermann, la konata germana romanverkisto, en la frua tempo de sia verkado, ofte pripentris sukcesajn, glor- kaj monavidajn negocistojn. Kun sento miksita el entuziasmo kaj angoro li verkis pri la „herooj" de la burĝa socio. La duonfantazia romano „La Tunelo" estis himno pri la kvankam kruela, tamen konstruanta kapitalismo. En siaj romanoj „La fratoj Schellenberg" kaj „La urbo Anatol" Kellerman akre kritikis ja la kapitalistan socion, sed en tiuj verkoj al la egoistaj kaj posedavidaj negocistoj ne mankis certaj trajtoj de „vivkreantoj".

En la romano Mortodanco (Totentanz) Kellermann prenis de la legendo pri la kreofortoj de la imperialismo ĉian nimbon. Ĉiuj konstruaj planoj de la faŝistoj suferas fiaskon. La faŝista regado portas al Germanujo nek riĉon, nek prosperon, sed morton kaj dezertiĝon, ĉar la faŝista negoco estas milito, morto kaj pereo.

Por nebuli la amasojn kaj tiel starigi ilin en la servon de la faŝista negoco, la germanaj imperialistoj bezonis la murdkompanojn de la hokokruco. En pluraj postmilitaj verkoj oni prezentas la hitlerfunkciulon kiel frenezulon, kiu sin opinias genio. Tiel kreiĝis la legendo pri la malraciaj, subkonsciaj fortoj, kiuj laŭdire determinis la agadon de la grandaj kaj malgrandaj „Führer".

Kellermann rompas tiun mensogan ŝablonon. Lia influega hitlerano, la provinca „Gauleiter" Rumpf, estas ne malpli respondeca ol ia ajn murdisto, kiu „flankenmetas" homojn por mono. Rumpf estas deklasiĝinta estaĵo. Oni ekscias el la romano, ke li longe vivis en Usono: laboris kiel buĉisto en la buĉejoj de Chicago. Lia faŝista ideologio evoluis en la usona submondo: li estas politikistiĝinta *gangster*. Tiu germandevena usona ĉarlatano vojaĝas Germanujon, ĉar li rekonis, ke venis la tempo, kiam la germanaj kapitalistoj bezonas la servon de aventuristoj ĝuste liaspecaj, kiuj estas pretaj je la plej sovaĝaj kaj sangaj entreprenoj. Li diras en la romano: „Mi havas neniun, kiun mi vere amus, mi havas nenian kredon . . ."

Jus antaŭ la disfalo de la hitlera imperio, tiu Gauleiter, organizinto de amasbuĉadoj inter la judoj, proponas al la juna judino Marion, fuĝi kun li el Hitlerio. Li parolas al ŝi kun vulgara fanfaronado pri belega bieno, kiun li aĉetis apud la Marmora Maro. Je la fino de la parolo li prenas el la poŝo saketon da briliantoj kaj ĵetas ĝin sur la tablon: „Ili devenas el nia kaptaĵo en Antwerpen." Kaj ĉar Marion rifuzas dividi kun li la diamantojn kaj la turkan bienon, li sendas ŝin en la morton. Jen la lasta detalo, kiu karakterizas la moralan konsiston de la faŝista Gauleiter.

El la vortoj de Rumpf ni ekscias, ke por li la lando estas indiferenta: Chicago aŭ Stambul plaĉas al li same kiel Berlin aŭ Köln. Li ne pereas post la falo de la faŝismo. Li intencas atendi ĉe la Marmora Maro sub olivarboj, ĝis pasos la malfacilaj tempoj, kaj li povos aperi je la unua voko de la imperialistoj en ia ajn *Gau*, en ia ajn alia kapitalista lando.

Sed Kellermann montras, ke tiujn hitlerhomojn de la speco de Rumpf helpis al potencakiro unuavice „milionuloj, industriistoj kaj karbobaronoj". Multaj literaturistoj fervore klopodas pruvi, ke la faŝismo estas tiraneco de la sovaĝiĝintaj „malgrandaj homoj", la faŝistoj estas kanajlaro, dum la antifaŝistoj estas iaspecaj aristokratoj, individuoj elektitaj de Dio. Tiel same disvastiĝis la legendo, ke la hitlerfaŝismo estas „neperceptebla malbono", fenomeno starinta super la klasoj. Kellermann lumigas post la kulisojn de la faŝista epopeo. Li prezentas al ni la fratojn Schellhammer, homojn sen honesto kaj konscienco, armilliverantojn de la Hitlera armeo. Por ili la sola idolo estas mono, al kiu ili oferas ĉion: la prosperon de Germanio, la feliĉon de la germana popolo, kaj eĉ sian fratinon. Montriĝas klare, ke la fratoj Schellhammer estas la oraj risortoj, kiuj movas la faŝismon. Tamen ili ne rolas en la fronta ebeno de la romano, ili ne dissonorigas sian ligitecon kun Rumpf. La kaŭzo de tio estas ne modesteco, sed singardemo: eĉ dum la plej kapturnaj sukcesoj de la hitlerhomoj, tiuj armilliverantoj antaŭzorgas pri „danĝer-elirejo". Ili certigas por

si antaŭe trankvilan rifuĝon al Svislando. Beate Lerche, ilia fratino, diras en kolereksplodo, ke ŝiaj fratoj ĉiuokaze scios sin eltiri el la afero. Kaj fakte, antaŭ la sennacigaj kameroj de la okcidentaj zonoj, tiaj industriaj magnatoj estos glate rehonorigitaj „manke de pruvoj".

Kun ne malpli da sarkasmo Kellermann skizas la germanan militistkorifeon. La altnaza kaj malplenkapa barono von Thünen kaj lia digna edzino ne povas al si imagi sen milito la sorton de Germanujo kaj sian propran sorton. Soldata riskemo, paradoj, riverenco antaŭ homoj de pli alta rango — jen la tuta spirita pakaĵo de la reakcia germana oficiraro. Barono von Thünen estas ideala „landsknecht" por eĉ la plej krimaj kaj friponaj militiroj.

En Frank Fabian, ĉeffiguro de la romano, la aŭtoro senindulge senmaskigas la reakcian intelektulon. Kiam la faŝismo akiris la potencon, Fabian kaj liaj amikoj staris antaŭ alternativo: por aŭ kontraŭ la bando de krimuloj. Sed tiu problemo estas jam anticipe solvita: Fabian, kiu volonte fanfaronas pri sia „liberalismo", esence estas aĉetebla, senprincipa individuo. Lia gusto, liaj inklinoj kaj idealoj ŝanĝiĝas kune kun tiuj de la imperialistaj potencposedantoj de Germanio. La liberale-rozkolora Fabian tre baldaŭ fariĝas malhelbruna.

Plurfoje la aŭtoro donas al Fabian ŝancon sin plibonigi. De la naciĝinta Frank Fabian forturnas sin lia plejamatino. Lia frato Wolfgang, skulptisto, ĵetas en lian vizaĝon vortojn de kolero kaj malestimo. Fine li perdas siajn filojn. La vivo plurfoje lin avertas, ke la faŝismo detruas kaj malhonoras ne nur lian patrujon, sed ankaŭ lin mem. Tamen, li restas surda. Nur ĵus antaŭ la disfalo li rekonas, ke la frakasiĝo de la faŝismo estas neevitebla kaj li finas sian vivon per memmortigo.

Intelektuloj laŭ la tipo de Fabian estas tre karakterizaj por Germanio. El ili rekrutiĝas la hitleranoj-fakuloj, kiuj ofte akiris komandopostenojn en la nacista ekonomio kaj politiko. (Nun ili servas en la okcidentaj zonoj.)

Kellermann majstre skizas dekduon da faŝistaj „herooj" kaj ankaŭ iliajn lakeojn el la speco de Fabian. Li montras, kiel la hitlerfaŝismo forĝis en unuon la plej reakciajn elementojn. La misfama „popolkomuno", pri kiu tiom klaĉis la propagando de Göbbels, estis, kiel Kellermann prezentas ĝin, komuno de grandindustriistoj, karieristaj oficiroj, morale putraj oficistoj kaj aliaj reprezentantoj de la burĝa elita kliko. Kaj Kellermann respondas ankaŭ tion, sur kio baziĝis tiu malvasta ligiteco de la altaj tavoloj de l' germana socio:

„La industriistoj, kiuj helpis la nacistojn akiri la potencon, gajnas milionojn kaj miliardojn, la oficiroj kaj generaloj ricevas altajn ordenojn, duoblajn aŭ trioblajn salajrojn, kavalirbienojn, neniam ili statis pli bone. La tuta mondo gajnas monon abundege..." „En la urbo la odoro de mono sentiĝis en la aero." „Gajni monon" monon! Riĉiĝi! La avido je riĉaĵoj estas legebla en ĉies okuloj. Riĉiĝi, hodiaŭ, morgaŭ, tiam la vivo ree havos sencon."

Komuna senhonta rabado, antaŭe interne, poste ankaŭ eksterlande. Ĉar la apoteozo de tiu tuta rabado estas la milito. La „lojalaj" burĝoj iĝas vojrabistoj: en la okupitaj regionoj ili sin sentas Krezoj. La profitebrio estas bonege prezentita per la ekzemplo de arkitekto Krieg. Li estas senenergia burĝo kun ŝajne ĉiuj virtoj de filistro. Sed apenaŭ lin ekhantas la fantomo de profito, apenaŭ li venas en okupitan regionon, tuj li perdas ne nur siajn pseudodemokratajn inklinojn, sed ankaŭ siajn burĝajn virtojn. Sen la plej eta konscienceriproĉo li prirabas fine fremdajn urbojn kaj forŝakras la honoron de siaj filinoj.

En la romano estas ne nur faŝistoj kaj iliaj helpantoj. Wolfgang Fabian, Lerche Schellhammer, Marion kaj la instruisto Gleichen estas honestaj kaj puraj homoj, nek korupteblaj, nek timigeblaj. Tamen, la plimulto de la antifaŝistoj en la romano estas ne kontraŭbatalantoj, sed viktimoj de la faŝismo. La sola aktiva figuro el ili estas la instruisto Gleichen. Ankaŭ li dissendas akuzajn leterojn kontraŭ la hitlerismo, kiel Kvangel, la romanheroo de Fallada. Sed li ne mortas sola, kiel Kvangel: li trovas amikojn, kune kun kiuj li batalas ĝis la lasta spiro. Plena de kredo je venko estas ankaŭ lia lasta letero, kiun li sendas al Wolfgang, atendante sian pendigon:

„Ridinda hazardo nin donis en la manojn de Gestapo. Ni estis kvardekope, unu mortis dum la torturoj, sed neniu perfidis eĉ unu vorton. Morgaŭ oni pendigos nin... Ne estas facile vivi en Germanio, kaj ne estas facile morti ĉi tie. Sed nin tenas rektaj la espero, ke ni oferis nian vivon por la libero kaj por la renaskiĝo de Germanio..."

Tiu espero estas elstara trajto en la romano de Kellermann. La aŭtoro tra la tuta verko emfazas, ke la nacismo povas kaj devas esti ekstermita, kaj ke post tio la germana popolo trovos en si la forton, volon kaj decidecon por iri la vojon de demokratio. Ĝuste pro tio, la romano, malgraŭ sia angora atmosfero, ne postlasas en la leganto la senton de senelireco.

La nacismo por Kellermann estas ne „mistika abomenaĵo", ne peza kaj neklarigebla inkubo, kiun diablaj fortoj sendis al la „kulpa" homaro, sed historie klarigebla socia fenomeno, kiun oni povas kaj devas venki batale.

La romano estas granda sukceso kaj valora kontribuaĵo de la postmilita germana demokratia literaturo.

**Hollywood-infekto.**

La usonaj filmoj de la plej lasta tempo serĉas siajn heroojn inter la krimuloj kaj

aventuristoj, kiuj disvastigas la epidemion de malhomeco, egoismo, malsociemo. Tiu gvidlinio de la usona „filmkulturo" estas terura ne nur tial, ke ĝi detruas en la homo la kredon je la propra anima forto, kaj volas pruvi, ke ĉia peno estas vana: la denaskajn homajn kulpojn oni ne povas elsarki, la ekzistantan vivsistemon, la nebulan kaj senluman futuron oni ne povas ŝanĝi. Ĝi estas terura ankaŭ tial, ĉar ĝin oni sekvas ankaŭ en aliaj landoj. Arthur Rank, kiu, escepte la filmojn de Korda, monopoligis al si la tutan anglan filmproduktadon, oficiale eldonis la devizon, ke kontrau la usona film-atako oni povas sin defendi nur per la kreo de uson-tipaj filmoj. Kaj lia nova filmproduktaĵo, „La fuĝinto", fakte estas tia. Ĝia reĝisoro, Albert Cavalcanti, ĝis nun gvidis la grupon de progresaj filmistoj kaj defendis la humanan kaj aktualan filmarton, sed en tiu ĉi filmo li plene kapitulacis. La filmon li plenigis per la humiligo de la homa digno, per timo kaj teruro. Senfinaj interbatadoj, pafadoj, persekutadoj sin sekvas sur la ekrano. Iu interbatado okazas ĉe enteriga entrepreno, kaj la banditoj, kiuj sin kaŝis en la ĉerkoj, pafas unu la alian malferminte la ĉerkokovrilojn; se ilin trafas kuglo, ili mortas en la ĉerko. La degeneron de la talento kaj gusto de l'filmproduktisto pruvas, ke tiu sceno, kiu volus teruri la vidantojn, vekas ne teruron, sed ridon en ili.

Abomena estas la ferma sceno. La krimulo interbatas sur tegmento de alta domo, kaj falas sur la pavimon. Li frakasiĝas, lia kranio rompiĝas, liaj okuloj preskau elturniĝas, lia vizaĝo taŭziĝas de doloro, kaj tamen li ne volas repreni la falsan akuzon, kiun li metis kontraŭ honesta homo. La heroo, akuzata per nefarita krimo, kune kun sia amatino petegas la banditon, ke li diru la veron antaŭ sia morto. La bandito restas obstina, kaj kun malica rido sur sia vizaĝo li mortas. La senkulpulon oni jetas en polican auton, kaj la filmon finas la bildo pri la kontuzita, sangmakulita vizaĝo de la bandito, vekante en la leganto nauzon kaj koleron ne nur kontraŭ la malico de la bandito, sed ankaŭ kontrau la verkintoj de la filmo.

Ankau la itala filmo komencas montri tiajn simptomojn. Jen ekz-e la ege reklamita filmo de la talenta *Lattuada:* „La vivo de Giovanni Episcopo". Ĝi prezentas oficiston, kiu enamiĝas al facilmora bela junulino, elspezas por ŝi sian ŝparaĵon, poste ŝtelas ŝtatan monon, por „aĉeti por si la feliĉon", kaj fine iĝas ŝtelisto kaj murdisto. Edifa historio, kiu haladzas la infekton de antisocia malhomeco.

Tiaj filmoj volas konvinki, ke la homojn gvidas sole strebo por persona prospero je ajna kosto, kaj ke malnoblo, kruda forto, krimo, neniigo de rivalo estas la *natura* vojo al la individua feliĉo. Lukti kontrau perforto estas senespere, strebi je sereno kaj progreso estas vane. Kion krome celas tiu malesperigo, tiu detruo de la morala fundamento? Nu, alkutimigi al la terurajoj, pruvi, ke la paco estas ne malpli terura ol la milito: homo estas lupo de homo Estas do egale! **V. A.**

# RECENZO

### Sep fratoj.

Rakonto de *Aleksis Kivi.* Tradukita el la finna de Ilmari Ekström. Reviziita de Helsinkia studrondo sub la gvido de Vilho Setälä, kaj de W. E. Collinson, M. Lukáš, St. Engholm. 360 paĝoj. Formato: 12×17 cm. Eldonis: Vilho Setälä.

A. Kivi, la aŭtoro, nask. en 1834, estis filo de vilaĝa tajloro. La patro, malgraŭ sia malriĉo, sendis la talentan filon al la lernejo. Kivi sentis emon al poezio, diligente studis la antikvajn kaj modernajn verkistojn. Tridekjara, li finis sian dramon „Kullervo", en kiu, malgraŭ la tre tragika atmosfero, jam montriĝas lia inklino al ŝerca humoro; tiu ŝercliumora flanko plene montriĝas en lia posta komedio „Botistoj". Lia ĉefverko estas la nun recenzata rakonto „Sep fratoj". Tiu literatura sukceso tamen ne akiris por li kontentigan bonhavon, kaj la mizero lin kondukis al la alkoholo. Li iĝis poste melankolia kaj kiel nesanigebla spiritmalsanulo mortis en 1872, en sia 38-a jaro.

En „Sep fratoj" Kivi prezentas al ni la aventurojn, erarojn, kulpojn, terurajn penegojn kontraŭ la naturo kaj sorto, kaj fine trankviliĝintan vivon de sep fratoj-orfuloj, kiuj devas memstare mastrumi en knabaĝo arbaran bieneton. La fratoj estas senedukaj, sovaĝaj kaj senbridaj, kaj eble la plej senbrida kaj kolerema estas la plej aĝa el ili, Juhani, kiun la aliaj obeas kiel mastron. Tamen, ili decidas, ke ili iros al la kantoro, por lerni la arton de la legado. Sed tiu bona intenco finiĝas per terura interbatado kun la knaboj de najbara vilaĝo La sep fratoj venkas: lasas post si sur la batalkampo kelkajn duonmortajn malamikojn. Timante de puno, tiam ili decidas formigri en la mezon de la arbaro, kaj tie konstrui por si novan hejmon kaj komenci novan vivon. Dek jarojn ili vivas tie, kaj tiu tempo estas ilia heroa epoko. Ili konstruas, ĉasas, poste okupiĝas pri terkulturado, eĉ la legadon ili ellernas helpe de la ĉasvokto. Kiam, post tiuj dek jaroj, ili revenas al sia malnova hejmo, la homoj, vidante ilian transformiĝon, forgesas pri iliaj kulpoj kaj akceptas ilin ame en sia rondo, admirante la grandajn fortostreĉojn, kiujn ili faris en la arbaro.

Tiun rakonton Kivi prezentas el ni en nekutima verkadmaniero. Nur malofte li rakontas mem, plejofte tra multaj dekoj da paĝoj li paroligas siajn knabojn, nenion aldonante, kvazau li verkus teatraĵon. Tamen, antaŭ

la okuloj de la leganto iom post iom akre reliefiĝas la aspekto, karaktero, temperamento, kutimoj de ĉiuj figuroj; tion faras la arto, per kiu la aŭtoro kondukas la interparolojn. Krome, la rolantoj de la rakonto abunde recitas legendojn kaj popolfabelojn, kaj tiuj konatigas al la leganto la vivon kaj pens manieron de la finna popolo, vivanta en vilaĝoj ĉirkaŭataj de erikejoj, montoj, arbaregoj kaj lagoj. Multaj proverboj kaj kantoj pliigas ankoraŭ la popolan, alloge primitivan atmosferon. Nuda realo kaj ŝercema ludo, kruda forto kaj delikata sentemo, romantiko kaj realismo alternas en la verko. Demetinte ĝin, oni certe longe memoros pri la senbrida Juhani, pri la saĝa, pensema kaj trankvila Aapo, pri la religiema kaj avara Simeoni, pri la pikema Eero kaj pri la ceteraj.

La traduko videble estas farita kun atento kaj zorgo: la frazoj estas klaraj, la lingvaĵo estas bona, kaj la stilo estas ĝenerale facila; eble oni povus diri, ke en la dialogoj kelkloke sentiĝas iom da rigideco, sed en pluraj lokoj la dialogoj ruliĝas nature, vigle, vere popolmaniere. Tamen, kvankam la tradukon kontrolis pluraj esperantistojeminentuloj, enŝteliĝis kelkaj strangaĵoj, kiel ekzemple: senvideblo (nevideblo), bolanta cindro (ardanta), maldio (diablo), terkulturi domon (?), k. s.

Tre zorga estas la aranĝo de la libro: je la fino la kelkaj neologaj vortoj, kaj ankaŭ bibliaj esprimoj, finnaj esprimmanieroj estas abunde klarigitaj. Eble eĉ tro abunde.

La eldono de la leginda verko estas bongusta: bela preso, bona bindo. La vinjetoj desegnitaj de Ahto Numminen estas plaĉaj. **Em. Baranyai.**

**J. C. Heer: Ĉe la sanktaj akvoj.**

Romano. Dua parto Tradukis: A. Bader, P. Le Brun, J. Schmid. 135 paĝoj. Eldonis Svisa Esperanto Societo, Bern. 1948.

Jen la dua parto de tiu ĉi interesoveka romano, pritraktanta la vivon de altmontara komunumo. Kun streĉita atento oni sekvas la pluan vivevoluon de la ĉefherooj. La kvalitoj de la libro identas kun tiu de la unua parto, vere apenaŭ ion mi povas aldoni al mia recenzo pritraktanta la unuan parton (L. M., februara numero 1948.). Eble mi povus diri, ke la traduko de la dua parto estas eĉ pli glata. Nur tio ŝokis min, ke la kadrojn de la cetere realista temo la autoro diskrevigas kaj svingas la romanon preskau al la fantasto. Mi aludas pri la rolo de la freneza pastro, kies efiko je la loĝantaro ŝajnas prezentita ĝis absurda mezuro. El tiu vidpunkto la unua parto pli sobre dozis realon kaj romantikon. **L. Tárkony.**

**Mary kaj Sulo.**

Koresponda rakonteto verkita de *Kamemoro*. 16 paĝoj. Eldono de Internacia Esperanto Instituto, Riouwstraat 172. Den Haag. Nederlando. kaj de Vilho Setälä, Kommandiitiyhtiö Helsinki, Finnlando.

La nomo de Setälä garantias, ke la kajereto estas flustila, bonverkita, do varme rekomendebla al ĉiu komencanto por lerni la 550 „kernajn" elementojn (500 radikojn kaj 50 finaĵojn) de la lingvo en formo de ĉarma koresponda rakonteto pri amikiĝo de brita knabino kun finna junulo.

Traleginte ĝin oni konatiĝas kun la vortoj plej ofte uzataj el la diversaj sferoj de la ĉiutaga homa vivo. Taŭga ankau por daŭrigaj kursoj. **PB.**

**Internacia Kantaro. La Juna Vivo.**

Kompilis kaj eldonis J. Muusses, Purmurend, Nederlando. 48 paĝa kajero (8 resp. kup.).

Apud la kelkaj esperantlingvaj muzikkajeroj de popola kaj arta muziko estas tre grava havi ankau taugajn kantojn por la junularo, precipe por infanoj, kiuj lernas la lingvon en lernejoj. Tial estas salutinda la kajero de *La Juna Vivo*, de tiu leginda — kvankam iom malampleksa — junulara gazeto. Laŭ la spertoj pli fruaj ĉe skoltoj, la junuloj pli gaje lernas la gramatikon, se ĉiuhore ili ankau lernas ian kanton en Esperanto. La kajero, kompilita el diverslandaj kantoj do bone taugas por tiu celo. Laŭdinda estas, ke la kantoj grandparte estas sufiĉe faciltekstaj, la vortordo — por atingi kanteblecon — krom kelkaj esceptoj ne estas renversita, kiel ofte okazas. Kelkaj kantoj estas eĉ senapostrofaj kaj multaj estas precipe por malgrandaj infanoj. Eraroj estas nur malmultaj, la preso sur bona papero klara kaj plaĉa. Do ni povas ĝin rekomendi al junularaj, infanaj grupoj kaj kursoj. **P. B.**

**Kiu estas kiu**

inter nord-amerikaj esperantistoj. Dua eldono 1947—48. 96 paĝa kajero. Eldono „Espero" Route 5, Little Rock, Arkansas, Usono.

Por la teritorio de Usono kaj Kanado ĝi servas por pliprofesimigo kaj reciproka konatiĝo de la tie vivantaj esperantistoj. El 38 ŝtatoj de tiu teritorio (kaj unu el Brazilo) ni trovas 400 samideanojn. Por vojaĝo, korespondado, serĉado de fakuloj, ĝi estas praktika kompilaĵo. Apud la nomoj estas ankaŭ la mallongaj bibliografiaj datoj, kiam la koncerna persono komencis labori por Esperanto kaj kion li faris en la movado.

**Maailman Kirjeenvaihdon Opas.**

Esperanton ydin — 500 sanaa, joista käsissanne kasvaa 10.000. 16 paĝa kajereto. Eldono: Vilho Setälä, Suomen Esperanto-Opisto, Onnetie 23. Helsinki.

La tute finnlingva kajereto enhavas la plej necesajn 500 radikvortojn, kolektitajn lau diversaj fakoj (vivo, loĝado, familio, kalendaro, ktp.), la ĉefajn regulojn de la gramatiko, la pre- kaj sufiksojn kaj kelkajn tekstojn, por ebligi la korespondadon. Imitinda por aliaj lingvoj. **P. B.**

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Tri Uŝi 15.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO.* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., **Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.**

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1. Kroatia Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.

*NEDERLANDO:* **Nederlanda Esperanto Centro,** *Rotterdam* W. Huvgensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, Sienna 60. Poŝtĉeka konto I. 8266

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

---

**LITERATURA MONDO**

**dua periodo**

kompletaj jarkolektoj de 1931—1935 jaroj estas proponataj.

Interesiĝantoj sin turnu al la adreso de

**LITERATURA MONDO**

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli Béla. — Globus, Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Kósa Zoltán